# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

Adreso : I, Tour de l'Ile, I
GENÈVE, Svislando

ENHAVO :



XXIX-a Jaro N° 391
MARTO 1933

## Trezoro de faktoj

Kio allogas la homojn al memvola lerno de alia lingvo ol la gepatra ? Certe la enhavo de tiu plia lingvo. Enhavo fakta kaj potenca. Ne nur ekzistanta literaturo kaj faritaj servoj, sed la entenita promeso pri novaj verkoj, novaj legaĵoj kaj la ebleco mem profiti la servojn de komunikado kun miloj da homoj.

Laŭ la ĝisnuno juĝas la publiko la estontecon. Tial gravas eldonado de valoraĵoj prefere al bagatelaĵoj. Tial gravas informado pri ĉio utila jam farita kaj do farebla per la lingvo lernota.

Legante protokolon de la ĝeneva konferenco pri Esperanto en lernejoj, la edukistoj atentas pri la neatenditaj pedagogiaj profitoj spertitaj per tia instruo, helpo al ceteraj lernobjektoj kiel geografio kaj gramatiko, interkorespondado inter infanoj, pli bona kompreno pri homaraj necesaĵoj ktp.

Legante raporton de la venecia konferenco pri komerca mondlingvo, multaj personoj surpriziĝas pri la rimarkinda kolekto de cititaj okazoj kiam uzo de Esperanto sukcesigis malproksiman informiĝon, internacian statistikon, eksterlandan reklamon ktp.

Ne hazarde kaj senplane UEA organizis tiujn konferencojn. Kolektado de faktoj estis la ĉefa celo por komprenigi la realecon de la vivanta organo.

Se la publiko povus havi nun similan kolekton de faktoj pri la miloj kaj miloj da ĉiuspecaj servoj ricevitaj per helpo de la delegitoj de Universala Esperanto-Asocio, ĝi malfermus pli multajn okulojn ol ĉiuj plej belaj rezolucioj de kongresoj aŭ eĉ Ligo de Nacioj pri utileco de helpa mondlingvo.

Dum la milito, la delegitoj de UEA helpis familiojn retrovi perditajn anojn, sendi novaĵojn al edzo, edzino, gefiloj. Post la milito ili helpis milojn da vojaĝantoj, konantaj neniun en traveturita lando,. ili havigis informojn al maltrankvilaj gepatroj, ili faciligis negocon aŭ ekkorespondon alie eĉ nepripenseblan. Ili savis vivojn, ebligis laboron, evitis erarojn en plej diversaj cirkonstancoj.

Sed nura mencio restas ĉiam malvarma. Nur la rakonto de veraj okazoj komprenigas la vastecon kaj efikecon de la serva kampo jam atingita kaj do atingebla per uzo de la esperanta lernolibro kaj jarlibro de UEA, du ne disigeblaj iloj.

Impresaj eĉ kortuŝaj estas pluraj ekzemploj ĝis nun tute ne konataj de la publiko. Rimarkindaj aventuroj kaj anekdotoj elĉerpitaj el vera historio formus kune grandvaloran trezoron, kvazaŭ kolektivan epopeon de Esperanto utilanta inter homoj.

Kunmeti tian faktaron en formo de Ora Libro por la 25-jara jubileo de UEA, tio estas bonega ideo. Plej multaj delegitoj estas tro modestaj por rakonti pri siaj servoj. Sed, en tiu ĉi okazo, temas pri kunlaboro por prezenti komunan bukedon. Ne nur la delegitoj, sed tiuj personoj kiuj profitis la servon ŝuldas sian partoprenon.

Legu la alvokon sur paĝo 50 kaj helpu kunmeti tiun unikan pruvaron pri la enhavo de nia lingvo. Poste en ĉiuj lingvoj de la mondo baldaŭ tradukiĝos tiuj rakontoj kaj Esperanto gajnos novajn adeptojn kaj novajn amikojn per la forto de l'allogo kaj ekzemplo.

*Edmond Privat.*

# Esperantismo

## Decidoj pri Reorganizo

### Belga Ligo Esperantista

La Komitato de Belga Ligo Esperantista,

*kunveninta* en Bruselo, la 18an de Decembro 1932 :

*Aŭdinte* la raporton de sia delegito en K.R. pri la kunvenoj en Parizo de K.R. kaj de la Ĝenerala Estraro,

*Ekzameninte* la proponitan Statuton de U.F.E.,

Alte taksante ĉiun klopodon por racia kaj pli simpla unueca organizo de la Universala Esperanto-Movado,

*Konstatinte* ke en Belgujo la multjara kunlaboro inter la nacia societo kaj UEA kontentige funkciis tiel por ambaŭ organizaĵoj, kiel por la Ĝenerala movado de Esperanto en Belgujo,

*Konstatinte*, ke ne estas eble nunmomente pligrandiĝi nek la kotizon de la membroj de la Ligo, nek la kvoton de tiu kotizo, dediĉotan al la universala organizo ;

*Konsiderante* unuflanke, ke jam pluraj naciaj societoj sciigis sian nepran deziron konservi kunlaboron kun UEA, kaj aliflanke ke UEA rifuzas eniri la novan organizaĵon proponitan, kaj ke tiamaniere la dezirita unueco de la Esperanto-movado ne povas esti atingita ;

*Konsiderante*, ke de la Kongreso de Krakovo en kiu, laŭ propono de Brita Esperanto-Asocio, oni konstatis same, ne okazis en ŝanĝo la situacio tiam konsiderita kiel ne oportuna por fari tiel fundamentajn ŝanĝojn en la universala organizo, precipe kiam pri ili ne regas unuanimeco inter la naciaj societoj kaj UEA ;

*Aprobas* la sintenon de sia reprezentanto en Parizo kaj speciale dum la diskutoj pri la disrompo de la kontrakto de Helsinki ;

*Bedaŭras* la disrompon de la Kontrakto de Helsinki, antaŭ ol iu alia sistemo de organizo estis starigita kaj akceptita interkonsente inter la du kontraktintaj instancoj ;

*Proponas* al la naciaj societoj aliĝintaj al K.R., prokrasti ĉiun definitivan decidon, kaj remeti la temon sur la tagordon de kunveno de K.R. en Kolonjo, kun la celo starigi novajn principojn kiel bazon de reaj traktadoj kun UEA ;

*Decidas* : Intertempe pagi kiel antaŭe al K.R. sian kotizon kutiman por 1933 kaj sugestas ke, se ne estas eble starigi racian reorganizon interkonsente kun UEA, la ĝisnuna organizo estu konservata laŭ bazo de la kontrakto de Helsinki, al kiu oni alportu utilajn kaj praktikajn plibonigojn, interalie ekzemple sistemon de financa kunlaboro tiel de UEA kiel de la naciaj societoj por pago laŭ la membra nombro ;

kaj faras varman alvokon al la gvidantoj de la naciaj societoj kaj de UEA por ke ili esploru kun la plej granda bona volo la eblecon prezenti solvon, kiu respektas la fruktojn de la multjaraj klopodoj dediĉitaj de la du instancoj de nia tutmonda movado, tiom sur la kampo de la praktika organizo kiom sur tiu de la ĝenerala propagando por Esperanto.

### Pola Esperanto-Delegitaro

La Reorganiza komitato, starigita dum la Pariza kongreso ellaboris projekton de regularo, per kiu ĝi proponas fondon de nova centra internacia organizaĵo sub nomo

*Universala Federacio Esperantista.*

La Ekzekutiva komitato de Pola Esperanto-Delegitaro post prikonsidero de la regularo konstatis, ke ĝi neniel sekvas postulojn de la Esperantistaro kaj ne respondas al la decidoj de pola esperantistaro, alprenitaj dum la Lublina kongreso. Tial Pola E-Delegitaro provizore ne aliĝas al la nova organizaĵo kaj atendas klariĝon de la situacio.

Pola Esperanto-Delegitaro konsilas al pola samideanaro aliĝadi kiel ĝis nun al Universala Esperanto Asocio en Ĝenevo.

## Nederlando

FRISA ESPERANTISTA RONDO
Sekretariejo ; Fonteinstraat 15
LEEUWARDEN

Al la Estraroj de la L.E.E.N-Sekcioj.

Tre estimataj samideanoj,

Vi scias, ke stranga afero konfuzas nian Esperantistaron. La t.n. « Kontrakto de Helsinki » estas, sen vera konsento de la Esperantistaro, subite nuligita.

Kalkulante je la indiferenteco kaj nescio de parto de la Esperantistaro, kelkaj personoj klopodas efektiviĝi danĝerajn planojn.

Por malhelpi tion, *estas necese, ke ni ĉiuj ekagu tuj senprokraste kaj energie !!*

La Estraro de la « Frisa Esperantista Rondo » petas al vi pritrakti ĉi kunan mocion en viaj estrarkunveno kaj klubkunveno, esprimi simpation kun la enhavo kaj sciigi tion al la L.E.E.N-estraro.

Samideane salutante,

J. Th. KUMMER, Prezidanto. Sj. SCHUITEMAKER, Sekretariino.

### Mocio

La « Frisa Esperantista Rondo », sekcio de la Nederlanda Esperantista Societo « La Estonto Estas Nia », priparolinte en speciala kunveno la tutan reorganizan problemon,

« *bedaŭras* la neatenditan nuligadon de la t.n. « Kontrakto de Helsinki »,

« *esprimas* sian plenan fidon en la gvidantoj de la « Universala Esperanto-Asocio,

« *deziras* la daŭran ekzistadon kaj funkciadon de tiu Asocio,

« *rifuzas* kunlaboron al la nove projektita U.F.E.,

« *bedaŭras* la provizoran sintenon de la L.E.E.N-estraro,

« *antaŭvidas* de eventuala fondo de U.F.E malbonajn kaj gravajn sekvojn, tiel por la internacia movado, kiel por L.E.E.N.

« *konsilas* insiste al la L.E.E.N-estraro ŝanĝi ĝian teniĝon,

« *petas* al la aliaj sekcioj esprimi simpation kun la enhavo de tiu ĉi rezolucio kaj,

« *decidas* publikigi ĝin en « Nederlanda Esperantisto », « Esperanto » kaj en « Heroldo de Esperanto ».

Leeuwarden, la 4an de Februaro 33a.

*Rezolucio en Rotterdam.* — La kunveno de « La Espero » kaj « Merkurio » ambaŭ sekcioj de la Nederlanda Societo Esperantista « La Estonto Estas Nia » kombinita kun kunveno de la grupo Rotterdam de la Teritorio Nederlanda de UEA, je la 7a de Decembro 1932a en Hotelo Coomans ;

Aŭdinte la detalojn pri la disvolviĝo de la organiza krizo en la Esperanto-Movado ;

Opiniante, ke bone marŝanta Esperanto-Movado nepre bezonas fortan UEA, almenaŭ ne malhelpita de aliaj Esp. organizaĵoj ;

Esprimante sian fidon en la Estraro de UEA ;

Decidas proponi al la ĉefestraro de L.E.E.N. ĉesi ĉian pagon al ICK ĝis ICK fakte kaj senkondiĉe rekonos la memstaran ekzistrajton de UEA kaj ties nepran necesecon en la rondo de Esp. Organizaĵoj ; Kaj aliĝi al UEA same kiel faris Aŭstria Landa Societo ».

*Jakob Telling*, Prezidanto. M. *de Waard*, Protokolisto.

### Dordreĥta Esperanto-Unuiĝo

MOCIO,

La Esperanto — Unuiĝo " Tra la Mondo ", sekcio Dordreĥt de la Nederlanda Esperantista Societo « La Estonto Estas Nia »,

Kunveninte la 24an de Februaro 1933a,

Priparolinte la organizan problemon,

Bedaŭras la subitan nuligon de la kontrakto de Helsinki ;

Opinias, ke la fondo de U. F. E. signifas danĝero por la Esperanto-movado ;

Opinias, ke U. E. A., kiu jam dum multaj jaroj ludas gravegan rolon en la Esperanto-movado, meritas plenan fidon kaj subtenon ;

Rifuzas iun kontakton kun U. F. E.

Bedaŭras la tiurilatan sintenon de la ĉefestraro de L. E. E. N.

### Rezolucio

« Unu per Esperanto », Arnhema sekcio de la Nederlanda Esperantista Societo : « La Estonto Estas Nia », kunveninte en *Jarkunveno* la 21-an de Februaro 1933,

— pritraktinte la organizan problemon,

— rifuzas kunlabori al la nove projektita U.F.E.,

— bedaŭras la provizoran agadon tiurilate de la L.E.E.N. — estraro,

— konsilas insiste al la L.E.E.N. - estraro racie ŝanĝi sian labormanieron,

— deziras ke L.E.E.N. laboru por efektivigo de internacia organizo laŭ plilarĝigata bazo de la U.E.A., ekzemple laŭ la projekto, proponita de Teo Jung,

— antaŭvidas, ke eventuala fondo de U.F.E. alportos gravajn kaj malbonajn sekvojn, tiel por la internacia Esperanta movado, kiel ankaŭ por L.E.E.N.,

— preferas, ke la organo « Nederlanda Esperantisto » estu anstataŭata de malmultekosta bulteno,

— decidas peti publikigon de ĉi tiu mocio en « Nederlanda Esperantisto », en « Esperanto » kaj en « Heroldo de Esperanto ».

Por le sekcio : « Unu per Esperanto »
A. L. MOREAU, 1-a Sekretario.

---

# Esperantistaj problemoj

## XIV

## Lingva Komitato kaj Akademio

Nia lingvo bazas sur la reguloj de la *Fundamento de Esperanto*, libro bedaŭrinde malmulte konata laŭ la teksto, eĉ de personoj daŭre parolantaj pri ĝi. Klasika estas la antaŭparolo, kaj necesus ke en kursoj oni uzu ĝin por komprenigi frue al novuloj, kiel evoluas nia lingvo.

Por supervidi la evoluon de la lingvo, por doni direkton al ĝi, necesas institucio, sendependa de momentaj fluoj de la taga Esperanto-politiko. Analogiaĵon ni posedas en similaj institucioj de naciaj lingvoj. La plej impona estas la *Franca Akademio*. Kompreneble por lingvo sen teritorio la kondiĉoj estas esence aliaj. Inspirita de la ĵus nomita ekzemplo, la unua kongreso en Boulogne s.M. starigis *Komitaton* kiu konsistis el 102 anoj. Tio estis la radiko de la nuna Lingva Komitato, kies strukturo ŝanĝis post tiu ĉi tempo. Kiel superan instancon oni elektis poste el la anoj de la L. K. naŭ personojn plej kompetentajn, kiuj formis la *Akademion*.

Tiom pri la tasko kaj la fondo de la Lingvaj Institucioj.

### Laboroj de la L.K.

Estas kompreneble, ke korporacio tiom ampleksa (pli ol cent personoj kiuj decidas, sekve voĉdonas) estas komplika maŝino. Malgraŭ tio, la L. K. plenumis laboron konsiderindan, se oni atentas, ke la monrimedoj ja estis kaj estas pli ol mizeraj. Tiun ĉi mankon de mono la lingvaj institucioj suferas kune kun la plimulto de pursciencaj institutoj, se ne malantaŭe staras financkapabla entrepreno, profitanta el la sciencaj laboroj. Tio ja bedaŭrinde ne estas la fakto ĉe por-esperanta institucio.

El la laboroj de la Lingvaj aŭtoritatoj ni citu nur kelkajn plej gravajn : Esploro de la oficiala vortaro, ĝia kompletigo per la aldonoj, decidoj pri faritaj proponoj, publikigo de laboraĵoj de anoj de la L. K., eldono de Jarlibro, de oficiala bulteno kaj ne forgesinde... la neeviteblaj formalaj laboroj kiel la elektoj, voĉdonoj. La raportoj de la Lingvaj institucioj aperis kutime en la Kongresa Raportaro, senpage donita al la kongresanoj. Ne-kongresanoj povas ricevi tiun dokumentaron kontraŭ modesta pago. Krom la administraj aferoj aperis en tiuj raportoj tre legindaj sciencaj verketoj, instruplenaj kaj valoraj. Ni citu ekzemple tiun de D-ro Lippmann « *Pri la uzado de refleksiva pronomo en Esperanto* » aperinta en la dokumentaro de la 18a kongreso. Citinda estas ankaŭ la premiado de plej bonaj verkoj en Esperanto, tasko postulante grandan atenton kaj sperton. Por plenumi la rolon al ĝi fiksitan, la lingvaj aŭtoritatoj formis sekciojn gvidatajn de Akademianoj. Tiuj sekcioj estas : 1) Por komuna vortaro, 2) Por teknikaj vortaroj, 3) Gramatiko, 4) Premioj kaj elparolo.

### Kritikoj kontraŭ L.K.

Nenio estas perfekta en la mondo kaj ankaŭ la Lingvaj aŭtoritatoj devas toleri kritikojn al ili direktitajn. Tiuj kritikoj estas trispecaj :

1. La konsisto de la L. K. 2. La laboroj. 3. La ekskluziveco.

La unua rilatas ĉefe al la maniero de elekto kaj pli speciale al la konsisto de la Lingva Komitato, en kiu la anoj de la grandaj kulturlingvoj nature superas nombre tiujn de aliaj lingvoj kaj lingvogrupoj. Alia riproĉo estas, ke partoprenas la L. K. anoj pri kies lingva kompetenteco ekzistas duboj.

La dua plendo pri la laboroj, direktiĝas al ĝi plej ofte de flankoj progresemaj, al kiuj la singarda, atentanta kaj atendanta metodo ne konvenas.

La tria estas pli ĝenerala. Kiu el la legantaro estas informita almenaŭ supraĵe pri la Lingvaj aŭtoritatoj? Eĉ ne ero de la gazetlegantaj esperantistoj, nombro taksebla inter 12.000-15.000 personoj, povas doni proksimume ĝustan respondon al demandoj, kiuj rilatas al la Lingvo Komitato. Eĉ plej simplajn aferojn oni ne konas pri tio, ĉar nefacile estas ricevi dokumentojn, kiuj kutime presiĝas je malgranda kvanto kaj post certa tempo flaviĝas kaj fariĝos nevendebla makulaturo.

### Argumentoj kaj plibonigo.

Konigante kritikojn oni aŭdu ankaŭ la alian flankon. Rilate al la elekto de L. K.-anoj la opinioj ja varias, sed estus dezirinde malgrandigi la nombron de la anoj kaj pli severe atenti la lingvan kvaliton ĉe la elektotaj anoj. La ĉefa plendo estas do pri la ekskluziveco. La L. K. malfeliĉe ne disponas pri sufiĉa mono por eldoni siajn dokumentarojn tiom grandnombre kaj tiom malkare, ke plimulto povus facile akiri. Restas ankaŭ la demando, ĉu la simpla esperantisto ne havas *moralan* rajton ricevi per kia ajn vojo la novaĵojn pri la lingvo, ekzemple raporton, aldonon al la Oficiala Vortaro ? Ni opinias, ke jes. Ekzistas ankaŭ la ebleco fari tion malkare eĉ ne ŝarĝante la budĝeton de la L. K.

Antaŭ kelkaj jaroj, UEA proponis al la Lingva Komitato, spacon en la Jarlibro por enpresi la sciindajn informojn. Plie fari el la ekzistanta kompostaĵo represojn por okaza vendo malkara kaj arkivaj bezonoj. Valoras konstati, ke la propono de ni farita en la intereso *servi* al la Esperantistaro estis malakceptita. Nuntempe, kiam ĉie oni klopodas kunpremi la elspezojn kaj per la farataj elspezoj atingi maksimumon, estas vere necese, ke ankaŭ tie oni sekvu la novan tempon. Tiu ĉi ekskluziveco, tiu ĉi mimoza netuŝebleco de la Lingvaj Aŭtoritatoj malutilas al ili. Kaj facile estus tion forigi. La esperantistoj rajtas esti informitaj pri komuninteresaj aferoj.

H. J.

# 1908 Universala Esperanto-Asocio 1933
## 25 jara agado

### *Ora libro de l'Delegito*

Kiel ni jam diris aliloke la nuna tempo ne invitas je festoj kaj solenaĵo por memorigi la datrevenon de l'fondiĝo de UEA. Aliaj pli gravaj taskoj pezas sur nin. Krom la situacio ĝenerala, la detruiga tendenco montrita de kelkaj malkontentuloj, postulas ĉiun forton, ĉiun moneron por ekzistigi la plej necesan : Jarlibro, Revuo, Premioj, Servoj. Ĉiu tion komprenas kaj aprobas la konkludan decidon :

*Koncentrigi ĉion por la absolute necesa bezonaĵo !*

. · .

Tamen oni demandas sin, ĉu ne ekzistas ebleco iel memorigi la datrevenon, samtempe kreante ion utilan, ion por la taga bezono. Kaj jen la solvo :

Antaŭ iom da tempo la Ĉefdelegito de UEA en Berlino, S-ro Münz, proponis la eldonon de libreto, kiu en konciza formo parolas pri vere interesaj servoj plenumitaj de la Delegitoj de UEA. La dankesprimoj kiuj aperas regule en *Esperanto* ne donas *ideon* pri la naturo de kelkaj servoj ; mankas ankaŭ la loko por enpresigi detalojn. El tiu ĉi konsidero venis la ideo, kunigi la plej interesajn servojn en verketon, kiu tiel formas la

*Oran libron de l'Delegito de UEA.*

La aranĝo de l'Ora libro estas la jena :

1) La servoj priskribataj estu vere valoraj, per aliaj vojoj ne riceveblaj aŭ nur tre malfacile.

2) La servo estu pruvebla per dokumentoj en okazo de bezono.

3) La teksto enhavu plenajn nomojn, datojn kaj estu konciza, telegrafstila.

4) La servoj rilatu al epoko 1924-1932. Escepto por vere grava servo dum la milito, sed tiam *ne* pri tia plenumita per la Centra Oficejo de UEA kaj ties « Dummilita helpservo ».

5) La libreto estos laŭ la formato de l'Jarlibro. La amplekso estas laŭ ricevota materialo.

6) La Ora Libro de l'Delegito de UEA servu unue por la esperantistoj. Intencata estas fari nacilingvajn tradukojn kun aldona klariga teksto. Tiam la Ora Libro povos utili al la propagando.

*Invito al kunlaboro.*

La redakcio de l'Ora Libro invitas je kunlaboro kaj petas alsendon de taŭga materialo.

Por kuraĝigi la hezitemajn samideanojn, estas konsentata premio sub formo de libroj. Ĉiu sendanto de taŭga teksto ricevos premion, difinotan de la Direktoro.

Redakcia Komisiono konsistanta el la proponinto, S-ro Münz, la vicprezidanto de UEA kaj la Direktoro, difinos honoran mencion al Delegitoj plenumintaj vere gravan kaj utilan servon.

Konsilinde estas, ke informu pri farita servo ankaŭ la *servopetinto* mem. Se ambaŭ raportos, petinto kaj plenuminto, la komparo de ambaŭ tekstoj faciligos la taskon, de kiom eble plej preciza redakto.

Kiel ekzemploj de teksto servu jena priskribo de servoj :

*Estis en la jaro 1924. Mia amiko Andreas Schneider sciante ke mi korespondas kun Delegitoj de diversaj landoj, petis min, rilati kun pollanda delegito, ĉu estus eble al li, trovi la tombon de sia frato Karl Schneider, kiu falis en batalo ĉe Ruda kiel germana soldato de la regimento n-ro 222 en 1915. La familio Schneider unufoje dum la milito aŭdis pri la morto de sia filo kaj nenion sciis pri la tombejo.*

*Mi skribis al la Delegito de Lodz s-ro Wacl. Janczurowicz. Li respondis, ke li transdonis la aferon al la tiea delegito s-ro Wlod. Pfeiffer, pro manko de tempo. Iun tagon alvenis dua letero de s-ro Janczurowiez. Li aldonis kopiaĵon de letero de S-ro Pfeiffer. La tombo de Karl Schneider estis trovita. Ĝi troviĝis en Rogozina, provinco Slask. Li unue serĉis vane sur la tombejoj en Ruda kaj en Lodz. Li telefonis de instanco al instanco. Fine li trovis la instancon por protekto de soldataj tomboj, kiu posedas listojn pri ĉiuj militomboj. Sed oni sciigis S-ron Pfeiffer, ke tombo de Karl Schneider el regimento 222 ne estas trovebla. S-ro Pfeiffer tamen ne ĉesis enketi. Li petis je permeso serĉi mem en la listojn, kion oni konsentis. Subite li trovis en la dokumentaro de l'provinco Slask la regimentan numeron 222 kaj kun ĝi ankaŭ la tiel longe serĉitan nomon Karl Schneider. Nia afabla kaj oferema delegito tuj veturis de Lodz al Rogozina, vizitis la tombon, surmetis florkronon kaj faris fotografaĵojn de l'tombo, de la tombvico kaj de la tuta tombejo.*

*Kiam mi iris al la familio Schneider kun la tradukaĵo de la leteroj de niaj pollandaj delegitoj kaj transdonis la fotografaĵojn kun la bone legebla nomo Karl Schneider sur la kruco, la aĝaj gepatroj ploregis pro emocio. La patrino milfoje kisis la bildojn sur kiuj falis larmon post larmo. La emocio estis nepriskribebla. La familianoj ne trovis vortojn por esprimi la dankon kaj laŭdon pro la grandega afableco de nia delegitoj s-ro Janczurowicz kaj precipe de vicdel. s-ro Pfeiffer el Lodz kaj ili miris pri la praktika aplikeco de Esperanto. Depost tiu tempo s-ro Pfeiffer prizorgas la flegadon de l'tombo kaj ofte sendis bildojn. La familio publikigis la tutan aferon en multaj gazetoj de la Saar-teritorio kaj ĉie laŭdas la lingvon Esperanto kaj ĝian organizaĵon.*

Karl Koch, D en Neunkirchen (Saar).

. · .

Samideanoj ! Ne nur legu tiun ĉi proponon pri "Ora libro" sed agu por ke ĝi fariĝu realaĵo. Se vi ne estas certa pri iu ajn detalo tiam ni volonte vin informos.

Universala Esperanto-Asocio.
Centra Oficejo.




# Tra la gazetaro

*Literatura Mondo* eniras sian trian jaron de la dua periodo. Aŭdiĝis plendoj kaj riproĉoj kontraŭ la redaktoroj, pro troa tendenco, akcepti novajn vortojn. La Januara numero, cetere tre bele presita kun valoraj legindaj artikoloj, enhavas tri paĝojn pri la problemo de novaj vortoj. Baghy sprite vipas tiun ĉi emon al enkonduko de nebezonajoj en poeziajo, el kiu ni ekstraktas :

*Ci, turpa lingvo, povrul' Esperanto,*
*Ci, plumpa trampo en trivita vest',*
*el mond' rilegos vin ni sen rimorso*
*k stridos de easto ĝis uest',*
*ke forcas ni la progreson, sed promptan*
*per bunta pimpa pompo de l' Parnas'.*
*la lantan takton ni vringos, sepultos*
*k Esperanto estas nur — fatras'.*
*Jam ĉio licas. Obskuran tenebron*
*opresos la etos' de l' primaver'*
*Acerbaj dupoj ne povas prohibi*
*avancon k devancon kun leĝer'.*
*Benignan prancon, beletran degnon*
*delice vi delektos per erud'.*
*Nur pigra gento egardas paseon*
*estante fole febla por la stud'.*
*Kontemplas li: « ĉu friŝtiki aŭ pranzi*
*k kiomfoje vikti dum diurn'?*
*Li drole giras kazue pri l' saĝo,*
*Drogmanon spekte serĉas kun kapturn'*
*k jelpas; Lernis mi jam du dekadojn*
*komprenis min eĉ nigro hotentot'*
*k kun pelmelo mi paŭtas dum gvatado:*
*ĉu Esperanto iĝis Poliglot'?*

* * *

*Svenska Esperanto-Tidningen, La Espero,* plaĉe presita revuo skribis en artikolo svedlingva pri la organiza problemo (Januaro 1933) el kiu ni ĉerpas :

Dum multaj jaroj aroj da proponoj aperis por en tuto kaj en unu sola organizacio kunigi ĉiujn neŭtralajn esperantistojn. La demando estis malfacila, kaj oni oferis multan tempon kaj presfarbon por ricevi akcepteblan solvon. La ĝis nunan partigon kun unuflanke KR kaj ICK kaj aliflanke UEA, kun diversaj, kelkfoje komunaj labortaskoj, oni ne ĉiam opiniis esti la plej bona kaj celkonscia. Oni ankaŭ povis konstati kelkajn kontraŭecojn inter la menciitaj organizajoj.

...Laŭ la decido en Parizo la nova organizajo estus preta laŭ konstruo kaj por laboro jam 1.I.33. Kvankam tiu tempo ŝajnas iom tro frue fiksita, kiam oni pensas pri la terure grandaj labortaskoj, kiuj ŝarĝos la novan organizon, precipe ĉar la starpunkto de UEA estas tre malfacile venkebla, ĝi nun tamen estas tiel fiksita, kaj Svedlando aliĝis kaj apartenas al UFE komence de tiu-ĉi jaro.

Tiel la ĝis nunaj UEA-membroj kaj delegitoj ne devus pagi kotizon al UEA, ĉar laŭ la nova organiza decido ĉiuj laboroj de UEA estas transprenotaj de UFE kaj la kotizon al UFE pagas la naciaj asocioj por siaj membroj !

Tiun demandon oni ofte aŭdas. Teorie ankaŭ estas tiel. Sed la nova organizo verŝajne pro okazintaj cirkonstancoj ne estas preta por tuj transpreni la laboron de UEA, kaj UEA ŝajne intencas daŭrigi kiel ĝis nun ankaŭ tiun ĉi jaron. *Por ne aventurigi la gravan laboron de UEA estas plej bone pagi sian UEA-kotizon ankaŭ por 1933, kaj resti delegito en espero, ke la jaro kunportos feliĉan solvon de la problemo.* Nenio malhelpas ke oni apartenu al ambaŭ organizajoj kaj la aldonkotizo de 50 oeroj por tiuj, kiuj jam de la komenco volas aparteni al la nova organizajo, estas tiel malgranda ke ĝi ne povas malhelpi la aliĝon jam nun.

* * *

*Sennaciulo,* organo de Sennacieca Asocio Tutmonda, en sia numero 402, Februaro 1933 skribas sub titolo « Skismo ĉe la neŭtraluloj » la jenon :

La naciisma ondo, kiu minacas superakvigi ĉion en la mondo, ankaŭ sentigis sian efikon en la neŭtrala movado. Jam de 25 jaroj ekzistas Universala Esperanto-Asocio (UEA) kiu sur neŭtrala fundamento konsistigis aparaton por la praktika utiligado de Esperanto mondskale. UEA kiel SAT ignoras landlimojn en sia strukturo. Tia stato estis netolerebla por kelkaj grandnaciaj societoj. Ili do entreprenis viglan kaj bone preparitan ofensivon kontraŭ UEA kaj la rezulto estas... la fondiĝo de Universala Federacio Esperantista. Do nun en Esperanto ekzistas UEA, UFE, SAT, IPE. Kun tiaj kvar sensoldataj armeoj ni certe baldaŭ atingos la celon en gloro. Cetere estus malsaĝe ĉagreniĝi pro la disiĝiteco de la esperantistaj fortoj, ĉar la kunfandiĝo de la lingvoj, nacioj okazas sendepende de Esperanto — kiel kompetente asertis iu brigado en Moskvo. Feliĉa tempo, saĝulara tempo.

* * *

*Hungara Heroldo* en numero 1 de 1933 publikigis la decidon de l' komitato de HES pri la organiza propono, kaj skribas interalie :

...Ni volas sincere kaj malkaŝe paroli. Ĝi estas tre grava afero, kiu postulas rektaniman pritraktadon. La plimulton de la esperantistoj

ne interesas organizaj aferoj. Ili pagas sian kotizon (multaj eĉ tion ne faras) kaj volas per ĝi ĝui la avantaĝojn de socia vivo. Se ni nun okupas parton de la spaco, pri kiu ni disponas en nia modesta organo, tio havas gravan kaŭzon.

La esperantistaro faris dum la Helsinka Kongreso kontrakton, laŭ kiu ĉiu nacia societo elektas unu personon, kiu estos ano de Konstanta Reprezentantaro (Koro). Koro kaj UEA komune elektis la Internacian Centran Komitaton (Icoko). Ĝi estis la plej supra centro de nia movado.

Dum la pariza kongreso oni subite, per stranga maniero ĉesigis la Helsinkan kontrakton, per voĉdonado 1608: 5401 voĉoj. 4333 voĉoj decidis do pri la organizsistemo de 200.000 esperantistoj. Mi neniun riproĉas, mi konstatas nur faktojn. Mi aldonas ankoraŭ, ke ĉiu nacia societo havas tiom da voĉoj, kiom da kotizajoj ĝi pagas. Unu societo do povas havi 2000 voĉojn kaj 40 societoj po 50 voĉoj ankaŭ 2000! Tiamaniere 2-3 potencaj societoj povas decidi pri la sorto de 30-40 malgrandaj! Tuj post la voĉdonado la svisa, nederlanda, ĉeĥoslovaka societoj kaj la Germana Esperanto Ligo en Ĉ.S.R. protestis kontraŭ ĝi.

.............................................................

U.F.E. donos por 0.50 sv. fr. internacian membrokarton (tre grave! Ĉu ne?) kaj duonjaran bultenon, por 2.50 sv. fr., krome gazeton. Esperanto ĝis nun certe tial ne venkis, ĉar ni ne havis « Internacia Konsilantaro Reprezenta »-n!! Nun ni ankaŭ tion havos. Mi nur timas, ke la tuta U.F.E. fiaskos. La kulismovantoj kredis, ke ili povas ŝajnigi al la esperantistaro, ke ilia voĉo estas la mesia, sed oni tuj rekonis, ke ĝi estas nur la voĉo de Kaino.

Nia movado ne bezonas du similajn organizaciojn. La pli forta kaj sperta vivos kaj tiu ĉi estas U.E.A., kiu jam travivis la militan krizon kaj nun festas la 25 jaran jubileon. Kvankam la reorganizantoj diras, ke tiu ĉi ne gravas, sed ankaŭ tie ili eraras, ĉar « dum 25 jaroj U.E.A. laboris por la enkonduko de esperanto en la praktikan vivon, dum la sama tempo la teoriuloj senĉese, sed vane interdiskutis pri organizo ».

La superfluecon de U.F.E. pruvas ankaŭ ĝia budĝeto por 1933. Ĝi antaŭvidas enspezojn de 28.250 sv. fr. El tio oni elspezos por salajroj, lupago, oficejaj bezonajoj, poŝtelspezoj, do por neproduktivaj elspezoj 21.700 sv. frankon kaj por Akademio, Lingva Komitato, jarlibro 6.550 sv. frankojn. Do nur la kvarono de la elspezoj servos produktivajn aferojn!!

La ekonomia krizo malpermesas al multaj samideanoj pagi la kotizajon eĉ al la nacia societo. La organizantoj de U.F.E. tiel pensas enkasigi tiam duoblan kotizaĵon? La tuta plano estas superflua. U.E.A. havas similan statuton, kiel la planita U.F.E. Ĉu ne estus pli simpla kaj pli logika, se la naciaj societoj aliĝus al la jam ekzistanta kaj vivkapabla U.E.A.. kiu per tio estus plifortigota kaj povus doni pli da avantaĝoj, ol se oni faras skismon kaj malfaciligas la vivkondiĉojn de U.E.A. kaj samtempe malebligas la vivekziston de U.F.E.? La aŭstra kaj hungara naciaj societoj jam decidis kaj aliĝis al U.E.A. kaj certe la plimulto de la naciaj societoj sekvos ilin. Vane minacis la itala Koroano dum la pritraktadoj, ke la italoj eksiĝos el U.E.A., la plimulto de la esperantistaro ne perdos sian kapon kaj restos fidela al U.E.A. La reorganizantoj baldaŭ vidos, ke ili agis malprudente kaj ke ili restos solaj.

La praktiko solvos plej bone la problemon, ĉar kontraŭ la leĝoj de la naturo oni nenion povas fari kaj la monstroj ne estas vivkapablaj. Al malnova societo oni ne povas fari konkurencon nur tial, ke kelkaj personoj senoficaj ricevu oficon. Se tagiĝas, la fantomoj malaperas kaj jam tagiĝas.

*D-ro Jozefo Takács.*

*
* *

*Oomoto*, n-ro 9 enhavas recenzon pri libro *Trans la fabeloceano* en kiu la recenzinto J. M. avertas :

En la listo de la neologismoj ni trovas la kutimajn « literaturmondajojn », kiel « lici, darfi, durfi » por la sama afero (esti permesata). « ŝrumpi » (kuntiriĝi) kaj « stumbli » (faleti). Sinjoroj en Eŭropo ni avertas vin : unu tagon la orientanoj ekkoleros kaj devigos vin akcepti longan liston de orientaj radikoj, kiuj kaŭzos al vi kapdoloron.

---

Nacilingvaj revuoj kun eksterordinare grandaj artikoloj pri nia movado : « Les Heures Nouvelles » Paris (artikolo de S-ro Archdeacon).

*
* *

*Der Fremdsprachler*, Zeitschrift für lebendige Sprachenpflege, Berlin, en artikolo pri ebleco de Internacia lingvo, la verkinto Grafo B. de V. Colonna konkludas (En angla lingvo) : « Kiel multaj aliaj aferoj en la vivo, la kapablo interrilati kun ĉiuj homoj devas esti akirita per malfacila laborado... la studo de multaj lingvoj !

(Salomona juĝo kiu havis sencon *eble* antaŭ 50 jaroj. La verkinto tre certe neniam serioze lernis Esperanton kaj provis ĝin.)

*
* *

*Kölnische Illustrierte Zeitung*, n-ro 4, enhavis du paĝojn teksto kaj bildoj de S-ro Cseh, donante lecionon.

Grandioza reklamo por E.

*
* *

*Die Weisse Fahne*, novspirita revuo germana en bela artikolo rekomendas la lernon de E al siaj anoj. La verkinto — Fides — konkludas tiel : Esperanto la dua lingvo de l' novspiritano kaj : Novspirito, la filozofio de l'esperantisto. Personoj kiuj interesiĝas pri la movado novspirita petu informojn de la eldonejo en Pfullingen, Württemberg, Germanujo.

*
* *

*Internacia Pedagogia Revuo* (Novembro-Decembro 1932) skribas sub titolo « Stranga rompo » la jenon :

La 1-an de Oktobro 1932 la ĝisnuna direktoro de l'Esperanto Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig estis transdonanta sian oficon al S-ro D-ro Schreiber (Leipzig). La nova direktoro jam la duan de Februaro 1932, forlasis Esperanto-Asocion de Saksaj Geinstruistoj pro ne klare ekkonebla kaŭzo. Li malkonsentas la principojn de l'Interna ideo, laŭ kiuj IPR estas redaktita kaj redaktata. La Esperanto-Asocio de Germanaj Instruistoj estis sen influo ĉe tiu enoficigo. La okazajo staras sub la signo de la politika krizo en Germanlando.

*
* *

*Tutmondo Esperanta*, monata revuo amuza kaj sciiga, aperas ekde Januaro 1933 en Karlsruhe (Germanujo) Dammerstockstrasse 15. Ni elpikas perlon :

Okazis dum okupado de la Rejnlando en iu rejnlanda urbo. La urbparto dekstre ĉe la rejnbordo estis neokupata, nur la ponto, kiu kondukas al maldekstra parto estis gardata de francaj soldatoj! Estis malpermesata transpaŝi la ponton; nur personoj, kiuj plenumis gravegajn funkciojn (ekzemple kuracistoj kaj akuŝistinoj), havis permeson transpaŝi ĝin.

La francaj soldatoj estis instruitaj alvoki al transpaŝontoj la germanlingvan demandon : *Arzt oder Hebamme?* (Ĉu kuracisto aŭ akuŝistino?).

Estis meznokto. — Viro proksimiĝis al ponto. La franca gardisto alvokis : Arzt oder Hebamme? Tuj respondis la viro bonhumora kun serioza mieno : « Hebamme! » « Paŝu! » ordonis poste la gardisto kun serioza mieno.

*
* *

*Bulletin Mensuel* de la Chambre de Commerce Française, Londres (Monata bulteno de la Franca Komerco Ĉambro en Londono) enhavas regule rubrikojn en E kelkfoje kun teksto franca apude. La Februara numero enhavas legindan artikolon « La krizo de francaj fervojoj » laŭ prelego de S-ro Marcel D. Dupuis, ĉefinspektoro ĉe teknika fako de la Norda Fervojo.

*
* *

*I T F* organo de la internacia federacio de la transportlaboristoj (Amsterdam) daŭrigas la rubrikon en kaj pri E. — Februara numero enhavas la bildon de la nova varbilo por E, eldonita de l' Propaganda Servo de UEA.

# Literaturo

## Stokholmo bombardata de eskimoj !

### (ANGLA HUMORAĴO)

La konata angla revuo « The New Statesman and Nation » kompilis politikan almanakon por 1933. Ĝi interesas speciale la svedojn, kvankam tiu ĉi jaro apenaŭ estos tiom danĝera por la svedoj, kiom ŝajnas unuamomente. La tuto estas nome satiraĵo pri la politikaj cirkonstancoj en la tutmondo, do ĝi verŝajne amuzigos — eble eĉ pripensigos — ĉiunacianojn. Jen ĝi :

« 1. *Majo.* Nokta atako de 500 eskimaj bombaviadilegoj kontraŭ Stokholmo. Stokholmo en ruinoj.

3. *Majo.* La Ligo de Nacioj kunsidas. S-ro Beneŝ prezentas proponon pri miliono da orfrankoj por helpi la rifuĝintojn de Stokholmo. (La borsoj ekskuitaj.) La brita delegitaro konsentas principe, sed insistas pri la malaltigo de la subvencio ĝis 5 funtoj. La eskima delegitaro aludante pri la statutoj rimarkigas, ke Svedlando ne rajtas ĉeesti la interkonsiliĝon, ĉar Svedlando sen ĉefurbo ne plu estas konsiderebla nacio. Oni prokrastas la kunsidon.

14. *Majo.* La juristoj proponas, ke la svedaj delegitoj, se ili ankoraŭ vivas, provizore okupu lokon en la konsilantaro, dume la demandon oni transigas al la Internacia Juĝejo. — La resto de Svedlando, fabrikoj, urboj k.t.p. estas ruinigitaj.

15. *Majo.* Grandeskimo plendas ĉe la konsilantaro kontraŭ Svedlando. Estas maleble, ke la eskimoj vivu en paco kun najbarlando, kie regas malordo, la urboj kuŝas en ruinoj, la higieno aĉa, la t.n. enloĝantaro plejparte morta kaj la gazetaro plena de kontraŭeskimaj sentoj. La interveno de la eskimoj neprege bezonata. Sir J. Simon petas eviti trorapidan fuŝagon; oni nomas komisionon por esplori la faktojn. La kunsido prokrastita.

8. *Junio.* Deputitaro el ĉiuj religioj ĉe la angla ĉefministro, kiu respondas : Ho, miaj amikoj, se nur mi kaj mia malnova amiko Grandeskimo povus trankvile fumi pipon en la kamenangulo ! (Reviglîĝo ĉe la borsoj.)

9. *Junio.* La komisiono raportas. La eskimoj « komencis militon » spite de l' pakto, « uzis perforton por solvi konflikton » spite de l' Kellogpakto, uzis venengason spite de l' Gaskonvencio.

10. *Junio.* Seniluziiĝo kaj indigno en Parizo kaj Londono.

11. *Junio.* Konsilantara kunsido. S-ro Madariaga proponas eksigi la eskimojn el la L.d.N. Sir J. Simon konsilas singardon. Ververe oni ne povas aserti, ke la eskimoj « komencis militon » spite de l' pakto, ĉar ili zorge evitis deklaron. Ili eĉ ne uzis perforton por solvi konflikton, ĉar ŝajnas klare, ke ne ekzistis konflikto inter tiuj kaj Svedlando. Ne estas ĝuste aserti, ke ili uzis « venengason », ĉar la utiligita gaso estis ordinara industria produkto, absolute sendanĝera por portantoj de la ĝustaj gasmaskoj. Plie estis malfacilege ricevi senperan sciigon, ĉar la svedoj ĉeestintaj ĉe la laŭdira bombardado ĉiuj mortis. Li proponas rezolucion :

« *La konsilantaro esprimas sian simpation al la parencoj de l' pereintoj kaj bedaŭras, ke pro la malatento de la sveda registaro, ties subuloj ne estis provizitaj kun gasmaskoj, ricevis tiom malfeliĉan sekvon.* »

Grandeskimo deklaras sian pretecon pri interpaciĝo, sed se oni akceptas tiome unuflankan rezolucion, la eskimoj devas forlasi la L.d.N. La vortoj « simpation », « bedaŭras » kaj « malfeliĉa » estas speciale malagrablaj por la sentoj de l' eskimoj. Ĝi proponas jenan formulon : « La konsilantaro riproĉas la malatenton de la sveda registaro » kaj ne povas fari pliajn konsentojn.

En intervena parolado S-ro Paul-Boncour asertas, ke Francujo estis la soldato de l'homaro kaj marŝis kun altenlevita kapo al la idealo (aplaŭdoj).

Grandeskimo esperas, ke ĝia rezolucio estos unuanime akceptita. Fine oni atingis unuanimecon per la forigo de ĉiuj vortoj krom : « La konsilantaro riproĉas la malatenton. »

12. *Junio.* Kopenhago ruinigita per la bombaviadiloj de l' eskimoj. Danlando postulas la intervenon de la Ligo de Nacioj.

13. *Junio.* Sir J. Simon atentigas, ke la eventoj pravigas paciencan kaj paceman sintenon. Li memorigas, ke la Stokholma Komisiono ankoraŭ ne donis sian finraporton; memkompreneble estus malkonsekvence prijuĝi la duan okazintaĵon, antaŭ ol la unua estus finarանĝita. S-ro Paul-Boncour deklaras, ke Francujo kun altenlevita kapo marŝas al la matenruĝo (aplaŭdoj). La kunsido prokrastita. Prezidanto Hoover telegrafas, ke oni devas triumfigi la justecon. (Sensacio.) Prezidanto Roosevelt telegrafas, ke oni ne rajtas apliki sankciojn. (Konfuzo.)

14. *Junio.* « Daily Express » konstatas, ke la gaso uzita de la eskimoj suspekteginde ne ŝajnas esti angla fabrikaĵo (ekscitiĝo, maltrankvilo en la borsoj).

15. *Junio.* La brita registaro direktas demandojn al la eskima registaro. Kontraŭeskimaj tumultoj en Londono kaj Liverpolo. Du sudamerikanoj kaj unu multekosta gorilo mortigitaj pro miskompreno.

16. *Junio.* Eskimolando respondas : « Pridiskutitan gason liveris la Bonfara kaj Patriota Ŝtal-Akcisocieto de Eŭropo-Ameriko, kies estrara prezidanto estas la bonkonata anglo, sir Bahnhofer Alfonzo Djamsky. » Animoj iomete trankviligitaj.

17. *Junio.* S-ro MacDonald kaj Grandeskimo kune fumas pipon en la kamenangulo. Reviviĝo en la borsoj. Grandeskimo fariĝas kavaliro de la Ŝtrumpmaŝordeno.

25. *Junio.* Mondprotesto de la Bonfara kaj Patriota Ŝtal-Akcisocieto de Eŭropo-Ameriko kontraŭ la maljusta kaj mislojala agadmaniero de l' eskimoj atakintaj ekskluzive per gaso. Islando deklaras sin tute sendependa de Danlando.

26. *Junio.* Grandeskimo distingita per la Nobela pacpremio.

27. *Junio.* La financministro deklaras dum maltrankvilo, ke inter Anglujo kaj la eskimoj ĉiam ekzistis simpatia ligilo.

30. *Junio.* Sir J. Simon diras, ke la pacienca politiko ĝis nun donis eksterordinaran rezulton. S-ro Paul-Boncour deklaras (dum aplaŭdoj), ke laŭ popoljura vidpunkto li nur volas akcenti, ke Francujo estas la patrujo de l' spirito kaj faras certajn disponojn pri la matenstelo.

9. *Julio.* Islando deklaras militon kontraŭ la eskimoj. La borsoj konvulsias.

10. *Julio.* La konsilantara kunsido de L.d.N. unuanime decidas instrukcii Islandon pri retiriĝo inter siajn limojn kaj pago de militsendomaĝigo.

10-17. *Julio.* La islanda armeo kun 8.000 flugmaŝinoj kaj ĉiu superflua municio apartenanta al la B.P.Ŝ.A. de Eŭropo-Ameriko, batas la eskimojn, neniigas ties aviadilaron, kaptas ties fokojn, konkeras Grandeskimon kaj anektas la nordan poluson. — La Nobelpremio forprenita de Grandeskimo kaj transigita al Djamsky.

18. *Julio.* Konsilantara kunsido. Sir J. Simon diras, ke li ĉiam insistis pri atenda kaj paciga politiko, kiu sola donas la plej bonan rezulton; la eventoj pravigis lin. Islando fariĝas konstanta membro de l' konsilantaro. S-ro Paul-Boncour samopinias kaj deklaras, ke dum tiu ĉi tuta terura uragano Francujo kiel ĉiam dum sia tuta historio... (la resto superbruita de aplaŭdoj).

(Esp-igis Tib. Morariu.)

# NETUŜEBLECO EN HINDUJO

Estas malfacile por okcidenta publiko kompreni la ĝustan sencon de strangaj novaĵoj aperantaj de tempo al tempo en la gazetaro pri la hindaj aferoj, speciale kiam temas pri flankoj de la vivo tute apartaj kaj propraj al tiu lando.

Tiel estas ekzemple pri eksterkastuloj, alie nomitaj *paria*, *netuŝebluloj* aŭ pli moderne *hariĝanoj*.

Per tio, ni ne diru, ke Okcidento ne konas sociajn ekskludojn laŭ diferenco de gento, klaso, kulturo aŭ familia deveno, sed tiaj strangaĵoj varias en diversaj landoj. Ankaŭ ili evoluas kun la tempo.

En mia naskiĝurbo la patriciaj familioj antaŭ la milito ne volonte edzinigis siajn filinojn al eksteruloj, eĉ ne riĉaj. Iliaj filoj devis nepre studi klasikan literaturon en gimnazio, eĉ se ili komprenis nenion pri ĝi kaj emis al mekaniko aŭ volus lerni anglan lingvon prefere ol grekan.

Eĉ hodiaŭ nur certaj profesioj estas permesataj al ili de la kutimo. Bakistoj aŭ ŝinkvendistoj ili ne rajtas fariĝi, eĉ se tiaj profesioj pli riĉigas ol posteno de pastro aŭ universitata profesoro. Advokatoj, bankistoj aŭ inĝenieroj ili rajtas esti, ankaŭ riparistoj de aŭtomobiloj, sed ne de muroj, tegmentoj aŭ ŝuoj.

Nu, en Hindujo la socio konsistas el la konataj profesiaj kastoj kun rapide malaperantaj kutimoj pri dececo aŭ nedececo interedziĝi aŭ kunmanĝi. Religia tradicio longe konservis tiajn « malpermesojn ».

Idoj de interkastaj edziĝoj aŭ de homoj rompintaj la regulojn troviĝas ekster la kadroj kune kun idoj de primitivaj ne-ariaj gentoj, eĉ kun idoj de budhistaj prapatroj eksiĝintaj el la hinduista rondo.

Tiel formiĝis el diversaj kaŭzoj tiu amaso da kvardek milionoj da eksterkastuloj, vivantaj apud la ducent tridek milionoj da rekonitaj kastanoj. Ni lasu flanke la okdek milionojn da Mahometanoj, kiuj havas situacion iom similan al tiu de la Hebreoj en Polujo ekzemple.

En la nordo kaj en grandaj urboj la eksterkastuloj estas plejparte nerimarkeblaj ĉar ili miksiĝis en pli kaj pli unuiĝantan « publikon ». Iuj estas laboristoj, aliaj eĉ famaj advokatoj, sed en la sudo kaj en la malprogresemaj regionoj, ili ankoraŭ vivas en apartaj kvartaloj kun apartaj putoj, apartaj stratoj, kaj estis ĝis lastaj jaroj ankoraŭ konsiderataj kiel *netuŝeblaj* aŭ pli ĝuste *netuŝindaj*, ĉar ili specialiĝis en profesioj malpurigaj, kiel ekzemple balaado, malplenigo de necesejoj, prilaborado de ledo, k.t.p.

Cetere la Eŭropanoj, kiuj manĝas viandon kaj buĉas bovinojn, ankaŭ estas simile konsiderataj. Vegetarano estos pli volonte invitata en hejman manĝoĉambron.

La religia klarigo pri la eksterkastuloj estis, ke tiel vivas pro sia *karma* tiuj animoj, kiuj devas ankoraŭ progresi kaj altiĝi morale en sekvontaj ekzistoj.

Hindaj reformistoj atakas severe la kutimon pri *netuŝebleco*. Jam estante infano, Gandhi rifuzis akcepti ĝin kaj ridis pri la purigaj banoj, kiujn trudis bona pia patrino ĉiufoje, kiam li hazarde tuŝis la fidelan balaiston aŭ liajn gefilojn. Li argumentas, kontraŭ pastroj, ke tia tradicio neniel trovas apogon en hindaj antikvaj skribaĵoj kaj ke ĝi estas nura postkreskaĵo, eĉ foje kruela.

Sub lia inspiro, la hinda nacia kongreso fondis ĉie propagandajn centrojn por batali kontraŭ la ideo de *netuŝebleco*. Same kiel li jam dufoje fastis por akceli kunlaboron inter Mahometanoj kaj Hinduistoj, li fastis lastan jaron en malliberejo por doni mortan baton al la netuŝebleco. Ĝi ne estas parto de Hinduismo, sed honto, li diris. « Mi preferus, ke Hinduismo mortu se netuŝebleco devus resti kaj mi estas preta oferi volonte mian vivon por ke ĝi malaperu. »

La fasto de lasta aŭtuno kaŭzis vastan skuon kaj entuziasmon en la tuta lando. Bramanoj publike manĝis kun eksterkastuloj, vastaj miksitaj kunvenoj okazis ĉie, sub premo de popola opinio malfermiĝis putoj, lernejoj, temploj, ĝis tiam ankoraŭ fermitaj al paria-homoj. Vojaĝantoj revenintaj nuntempe parolas pri miraklo.

Fakto estas, ke vigla propagando kaj edukado pretigis la publikan opinion dum lastaj dekkvin jaroj kaj la fama fasto ludis la decidan rolon de lasta guto en la glaso kaj servis kiel potenca instigilo.

Ĉefoj de Hinduismo subskribis solenan kontrakton kun delegitoj de la eksterkastuloj kaj promesis ĉion fari por malaperigi plene la kutimon. Al D-ro Ambedkar, kiu reprezentis la paria-klasojn ĉe la Londona Ronda Tablo, la malliberulo de *Yeravda Jail* certigis, ke li mem igas sin garantiaĵo kaj oferos sin denove se la entuziasmo malvarmiĝos kaj la promeso ne estos plenumata.

Senpartiaj observantoj asertas, ke la publika sento kaj movado fariĝis tre fortaj kontraŭ la kutimo kaj ĝenerale venkis ĝin. Tamen temas pri miljara tradicio kaj estus strange se ĝi povus malaperi en unu vintro.

Eĉ la ortodoksaj Hindoj emas nun konsenti, sed pri unu punkto restas tamen iom da opozicio ĉe kelkaj el ili, tio estas pri eniro en templojn. Jam multaj preĝejoj estas malfermataj, sed ne ĉiuj, interalie tiu de Guruvajur en la sudokcidenta regiono Malabar, fama pro ĝia konservemo.

Baloto inter la gekastanoj de tiu paroĥo donis la sekvantan rezultaton :

| | |
|---|---|
| Por allaso de la eksterkastuloj ........... | 77% |
| Kontraŭ ........................ | 13% |
| Neŭtralaj ....................... | 10% |

Ne voĉdonis la eksterkastuloj mem, sed malgraŭ tiu plimulto, se iu el ili provus eniri la templon, li povus esti arestata kaj, laŭ la ekzistanta leĝo, la angla juĝisto estus devigata lin kondamni por apliki ekzemple parton 40 de la *Madras Religious Endowments Act*. Publika opinio do postulas ŝanĝon de la leĝoj kaj granda diskuto pri tio agitas nun

Hindujon pro eventuala nova fasto de la fama malliberulo, kiu deziras bravigi la reformistojn kaj forigi definitive ĉiujn barojn inter Hindoj.

Laŭ lastaj deklaroj li konsideras tiun devon kiel eĉ pli gravan ol la batalon por rajtoj politikaj, ĉar nacio purigu sin el kulpoj por meriti liberecon. Lin priokupas ankaŭ ĉio, ne kion Hindujo gajnu, sed kiel ĝi kondutu.

E. P.

P.S. Ni kore dankas la multajn legantojn, kiuj afable skribis por peti daŭrigon de artikoloj pri hindaj kutimoj, speciale la britajn korespondantojn. Tamen venis ankaŭ du plendoj pri rompo de neŭtraleco, kiuj kaŭzis interesan kaj amikan interklarigon. La tuta problemo pri neŭtraleco de gazeto meritas apartan esploron. Ni memorigu ke nur la oficiala informilo esprimas opinion de UEA. La resto estas libera.

# LA MEMORAĴOJ DE CONAN DOYLE

Ne forgesita malgraŭ rapidiranta tempo estas la polic- aŭ detektivromanoj de Arthur Conan Doyle, la kreinto de l' tipo de detektivo Sherlock Holmes. Kvazaŭ voĉo el tombo aperis la memoraĵoj de Conan Doyle [1], verko leginda kaj same altira kiel liaj plej bonaj romanoj.

Estas vera vivkonfeso, plena je interesaj travivaĵoj kaj aventuroj. Humorplena kaj simpatia, jen kiel reaperas antaŭ ni la aŭtoro.

La libro informas pri la deveno de la figuro Sherlock Holmes kaj ties metodoj. Kiel Eugène Sue ankaŭ Conan Doyle estis kuracisto, sen materia sukceso. Okaze de impost-deklaro la Financa Oficejo resendis la formulon kun lakona frazo : « Absolute nesufiĉa ». Conan Doyle resendis kun la rimarko : « Tute mia opinio; nesufiĉa por vivi ».

La kuracisto Doyle ne havis bonŝancon, ankaŭ ne en Londono, kie li poste praktikis kiel okulkuracisto. Atendante la pacientojn, kiuj ne venis, li havis ĉirkaŭ si montegon da libroj kaj legis la novelojn de Poe, plie historiajn verkojn. Inter ili Froissard, Chaucer kaj Walter Scott, kaj memorlibrojn de la generaloj de Napoléon.

Amikoj kiuj rimarkis kaj ŝatis fortan talenton lian por rakonti, instigis lin verki mallongajn rakontojn. Nur malrapide, post la unua sukceso de l' rakonto « Studo en ruĝo » li decidiĝis forlasi la kuracistan praktikadon por dediĉi sin al verkado.

Lia intenco estis, krei novan tipon de historia romano, realisman, anstataŭ la romantisman de Walter Scott. En tio li ne havis sukceson. La publiko tiom entuziasmiĝis pri la aventuroj de Sherlock Holmes kaj avide postulis daŭrigon. Rezignacie la aŭtoro konfesis : « Tiuj ĉi rakontoj multe malutilis mian literaturan verkon; sen ili mi okupus alian lokon en la literatura mondo eŭropa ».

La unua rakonto kun la du ĉefagantoj Holmes kaj Watson sukcesis. Ne nur la angloj, ĉie oni ŝatis tiun ĉi « aferan » detektivon kun la vizaĝo de aglo; oni amis la sciencan metodecon kaj lian kunulon Watson, flegman kaj senzorgeman.

La modelo de l' figuro Sherlock Holmes estis ĥirurgo, Joseph Bell, kun tiu Conan Doyle konatiĝis en Edinburgh dum universitata studado. Bell estis eksterordinara diagnozisto, kaj etendigis diagnozon de malsano eĉ sur profesio kaj karaktero de l' paciento. Tipa dialogo estas jena : « Vi estas maljuna soldato, amiko mio », diris Bell al malsanulo. « Vere, sinjoro ». « Maldungite lasttempe ? » — « Certe ». — « Vi servis sur la Barbados Insuloj ? » — « Efektive, sinjoro ». La studentoj miris. Seke klarigis Bell : « Ne estis artifikaĵo, diveni tion. La viro lasis ĉapelon sur kapo kiel li kutimis estinte soldato. Suferis je elefantiazo, ĝenerala malsano en Okcident-Indio. »

Tiel naskiĝis Sherlock Holmes kaj lia metodo.

La plej eksterordinara estis, ke oni kredis je ekzisto de Sherlock Holmes kaj Watson. Regule venis korespondaĵoj al la *Baker Street*, kion kompleza poŝto direktis al Conan Doyle. Strangaj dokumentoj de homa naturo, laŭ la enhavo de tiuj leteroj. Doyle vere fariĝis kaptito de l' fantomoj kiujn li vokis. Li tion speciale rimarkis el la protestoj, kiam lia heroo pereis en la Reichenbach akvofalo. « Brutulo vi estas », laŭ letero de fervorega legantino. Tiuj montroj de ŝato devigis lin « revivigi » Sherlock Holmes, per la novelo « La reveno de Sherlock Holmes ».

Doyle ne estis sidema verkisto. Restis en li la moviĝema sento normanda. Certan tempon li pasigis en Okcidenta Afriko kaj Egipto. Liajn travivaĵojn kiel kuracisto en la Bura milito li priskribis detale (The Great Boer-War). En lasta tempo de sia vivo li dediĉis sin al psikologiaj kaj spiritismaj studoj.

Kiel kreinto de l' *pro-inklina* detektivo, tipo ne plu atingita de posta verkisto, Conan Doyle restas en la memoro kune kun Sherlock Holmes.

C. A. Woolf.

[1] Ma vie aventureuse. Ed. Albin Michel, Paris.

# BRITA SPRITAĴO

En Daily Mail, 14-a de Decembre 1932 troviĝis jena spritaĵo kun rimarko pri Esperanto :

Kiel oni scias, la filmproduktantoj devas fari paralelajn prezentaĵojn de sama filmo por la diversaj landoj. La aranĝoj varias laŭ klimato kaj landoj.

En filmo nun farita en Francujo troviĝas sceno sur orienta sklava vendoplaco. Apartaj adaptaĵoj necesis por Balkano, Francujo kaj Britujo.

Por la balkana publiko la sklavoj aperis tute nudaj. Por la francoj ili estis provizitaj de triangula tuketo de minimuma dimensio, kun pendantaj pecetoj de silko, ĉe ambaŭ koksoj.

Fine, por respondi al la brita prudeco, ili estis vestitaj en roboj plej volumenaj... iliaj manoj estis plektitaj en ĉasta pozicio, memorigantaj la Medicean Venuson.

Mi miras kiun stilon oni konsideras taŭga por esperantista publiko.

DRAGOMANO.

# Teknokratio

*En Esperanto, Februaro pasinta, paĝo 34, aperis eŭropa juĝo pri la « teknokratio ». Ni enpresas nun du respondojn, unu usonan, unu de eŭropa kooperativano (ano de konsumunuiĝo) pri la sama temo laŭ iliaj vidpunktoj.*

(Red.)

## Kion ĝi signifas ?

Kion signifas tiu ĉi nova vorto kiu, kvankam apenaŭ ĝenerale komprenata, tamen multe admirata, kontraŭbatalata, laŭdata kaj timata, nuntempe estas trovebla en ĉiu jurnalo kaj gazeto usona ? Nu, la kreinto de la vorto (en angla lingvo « technocracy »), usona inĝeniero Howard Scott, difinas ĝin kiel regadon de tekniko. La adeptoj de teknokratio, nomantaj sin teknokratoj, asertas ke sub la nuna sistemo de profitoj, aŭ pli modeste, de prezformiĝoj, la tekniko nepre alportos ĝeneralan mizeriĝon, sed ke sub nova sistemo de energi-unuoj ĝi prezentas jenajn utilojn : malapero de ŝuldoj kaj zorgoj ; feliĉa juneco ; senzorga maljuneco ; ĉiutage nur kvarhora laborado dum kvar tagoj po semajno por sole viroj en la aĝo de 25 ĝis 45 jaroj, poste libera tempo, amuzoj, kaj ĉiuj ajn komfortaĵoj modernaj. Vere alloganta bildo ! Ne surprizas do ke la kompatindaj, ĉagrenitaj pagantoj de impostoj vigle interesiĝas pri tia afero, kaj ke la bankistoj, ektimigite, krias pri bolŝevismo kaj diletantaj fantaziaĵoj. Ĉu la fino de kapitalista epoko estas videbla ? Ĉu ni ĉesos esti sklavoj de ĉiopova dolaro ?

La iniciatinto de la nova movado sekrete okupiĝis pri sia teorio dum multaj jaroj kaj nur antaŭ nelonge konatigis ĝin kaŭzante sensaciegon kompareblan kun tiu sekvinta la publikigon de la teorio pri rilativeco de Profesoro Einstein. Jen liaj argumentoj : La ekonomia krizo, kiu kondukis al « kolapso » de la borso en 1929, senhalteble daŭrigas. Kun prezoj daŭre plimalaltiĝantaj, la produktistoj povas ekzistadi nur se ili sukcesas plimalaltigi la kostojn de la fabrikado. Tio necesigas maldungon de laboristoj kaj plibonigon de maŝinaro. De jaro al jaro kreskas la rapideco kaj uzebleco de maŝinoj kaj sammezure la neneceseco de homa laboro. La usona farun - industrio, ekzemple, en 1899 laborigis 32,000 homojn en 9,500 muelejoj. Post 30 jaroj ekzistis nur 2,900 muelejoj kun 26,400 laboristoj, sed la produktado kreskis dum la sama periodo de 13 al 15 miliardoj da kilogramoj.

Dum la unuaj ses mil jaroj de la konata homa historio la sola energi - fonto estis la homo kaj liaj tirbestoj, poste oni ekuzis primitivajn meĥanikajn rimedojn (muelilojn, akvoradojn ktp.). La povo de homo egalis proksimume dekonan ĉevalpovon. Post la invento de vapormaŝino kreskis la produktado de ĉevalpovoj laŭ grado tiam neimagebla. Venis la mondmilito, dum kiu gravis produkti kiel eble plej multe da ĉevalpovoj per uzo de kiel eble plej malmulte da hompovoj. Konstante la maŝinoj estas pliperfektigataj eligante pli kaj pli da homoj el la procedo de fabrikado. Novaj maŝininventaĵoj laborigas homojn nur ĝis kiam la novaj maŝinoj estas instalitaj. Jam estas en uzo maŝinoj por produkti kaj kontroli aliajn maŝinojn.

Ĉio ĉi tio ne estas nova revelacio. Tamen la teknokratoj ne haltiĝas tie, sed asertas ke la sistemo de daŭre variantaj prezoj estas la kaŭzo de la mizero. La valoro de mono ne estas stabila, sekve akcioj, hipotekoj kaj produktaĵoj, valorataj en mono, konstante varias. Ke la prezosistemo tute ne taŭgas, pruvas la pomoj putrantaj en frukto-kulturejoj, la montoj da nevendebla greno, la magazenoj plenplenaj je kotono kaj komercaĵoj unuflanke kaj la amaso da malsatuloj aliaflanke. Eldono de industriakcioj bazas sur atingo de sufiĉa profito, kiun havigas malaltaj kostoj de produktado, vasta debito kaj forta aĉetpovo de la konsumantoj. Kvankam la prezosistemo urĝe bezonas pagokapablajn aĉetantojn, ĝi samtempe senkapabligas ilin per daŭre progresanta evoluo de tekniko. Ĉar produktisto devas klopodi vendi siajn produktojn, li estas devigata apliki metodon de fabrikado aŭ produktado kiel eble plej malmultekostan, t.e. uzante la plej modernan maŝinaron kaj laŭeble malmultan homlaboron. Por certigi al siaj produktoj vastan kaj neniam ĉesantan debiton, li devige interesiĝas ĉefe pri produktado de aĵoj kiuj ne estas tre solidaj, tiel ke la bezono ofte ripetiĝas.

Ekzistas nur unu sola stabila valoro, kaj tiu estas la energio. Ĉio en la mondo estas mezurebla laŭ kalorioj aŭ kilovathoroj aŭ ĉevalpovoj aŭ aliaj energiunuoj. Tial la teknokratoj proponas ke la nordamerika kontinento, kie abunde troviĝas ĉiuj vivnecesaj krudaĵoj, adaptu la energisistemon. Anstataŭ mono, kiu ĉesos havi valoron, cirkulos energikartoj kiuj rajtigas nur la personon nomitan sur ili ricevi ion de la ŝtata provizejo. Tiamaniere evitiĝas krimoj kaj koruptado ; ne ekzistas plu ŝuldoj ; ĉiu necesas labori malpli, ĉar kun organizita ŝtata ekspluato de ekzistantaj energifontoj ĉio kion la homoj bezonas povas esti produktata de viroj en la aĝo de 25 ĝis 45 jaroj per kvarhora laborado dum kvar tagoj po semajno.

Jen skizo de la teorio pri teknokratio.

Washington, D.C., — *Kurt Fritzsching.*

## Kion ĝi pruvas ?

Ni lasu flanke la proponon de la usonaj teknikistoj pri anstataŭo de mondprezoj per energiunuoj. Tion oni povas diskuti senfine kaj nur teorie. Sed kio gravas kaj certe malfermis okulojn al multaj homoj, tio estas alia konstato pri faktoj, neniam antaŭe farita kun tiom da sperto scienca kaj historia.

Per sia objektiva studo, ili montris la kaŭzon de la nuna malordo kaj danĝera ĥaoso.

Se maŝino povas nun fari la saman laboron, kiun plenumis antaŭe mil homoj, kial devas morti pro malsato tiuj mil homoj anstataŭ profiti la ŝparon de tempo kaj forto ?

Sufiĉas kvin viroj por gardi, purigi, oleumi kaj funkciigi la novan ilon. Se la restantaj 995 devas perdi sian vivgajnon, ili ankaŭ ne povas aĉeti tion, kion la maŝino produktos kaj ĝi devos halti mem.

Klare videbla estas la manko. Racia organizo dividus la restantan laboron inter la mil homoj kaj lasus al ili la rimedon akiri sian parton de la produktaĵo.

Kial tio ne okazas ? Ĉar la mono ĝis nun uzita kiel salajroj devas de nun iri kiel procentaĵo al la pruntintoj de la sumoj necesaj por aĉeti la maŝinon.

Tio ne okazus se la salajrítoj estus povintaj aĉeti mem la maŝinon sen ia prunto. Kaj tion ili povus se ili estus grupigitaj en vastaj asocioj kaj kunmetus siajn ŝparetojn por formi komunan kapitalon.

Sur tiu principo bazas la kooperativaj societoj. Miloj da familioj kuniĝas por mendi kune siajn bezonaĵojn, ŝtofojn, ŝuojn, farunon, ktp. Per parto de la mono tiamaniere ŝparita (pro evito de peruloj), ili fondas teksejojn, ŝufabrikojn, muelejojn ktp. kaj ne bezonas pagi renton al iu ajn. Ĉesas batalo inter vendistoj kaj aĉetantoj, prunteprenanto kaj pruntedonanto. Eĉ la laborantoj estas samtempe salajratoj kaj anoj de la posedantaro.

Malaperas la batalo por privata profito kaj ĉefe la malekvilibro inter produktado kaj bezonoj. En kooperativa mondo ne necesas ĵeti kafon, tritikon aŭ fabrikaĵojn en la maron sub la okuloj de malsatantaj senlaboruloj, ĉar oni produktas nur laŭ la bezonoj de la aro, ne kiel spekulacion por venki konkuranton kaj amasigi profiton.

Ŝajnas al mi, ke la enketo de la usonaj inĝenieroj abunde pruvas la malordon, en kiun ĵetis nian mondon la organizo de senplana disa komerco kaj industrio kun nura celo al privataj profitoj. Necesa ordigo postulas submeti la entreprenadon al la bezonoj de la publiko.

La ekonomio devas servi al la homoj, ne la homoj al la ekonomio. Iuj revas ke la ŝtato ĉion regu. Mi trovas pli alloga la ideon, ke vastaj asocioj grupigu la homojn kaj entreprenu la necesajn taskojn. Kooperativaj societoj lasas pli da loko al diversaj iniciatoj. Se ili fariĝus potencaj, ili mem povus baldaŭ influi la ŝtaton en nomo de l'amasoj anstataŭ la privataj kompanioj celantaj profiton de kelkaj malmultoj.

La usonaj teknokratoj montris tre klare la kaŭzojn de la malordo. Multaj homoj timas, ke reordigo sub fera mano de ĉiopova ŝtato tro similus al unuforma soldatejo. Pli alloga estas la pli libera grupiĝo en kooperativaj unuiĝoj. Jam multaj el ili ekzistas. Aliĝo kaj subteno al ili ŝajnas al mi tuja kaj paca rimedo por transpasi de malordo al ordo aŭ de profitema disbatalo al servema kunlaborado.

Kooperativano.

---

# RIPROĈO

De R. J. Yarworth.

---

*Ho, kial al mi vi proponas la koron ?*
*Al mi aparteni ĝi povas neniam.*
*Do kvankam al vi mi ne kaŭzus doloron,*
*Alia virino akceptos ĝin iam.*

*Mi ne povas kredi, ke vole vi ĝenas,*
*Aŭ ke mian jeson al vi vi arogas,*
*Sed via propono al mi nek konvenas*
*Nek, diri la veron, eĉ ete allogas.*

*Ĉar tian sugeston mi ja ne atendis,*
*Kun vi mi ne plu povas havi rilaton.*
*Sinjoro Buĉisto, erare vi sendis —*
*La koron reprenu, mi mendis hepaton.*

# Lloyd

*La vorto Lloyd, ofte legata kiel parto de nomoj de ŝipfirmoj (Norddeutscher Lloyd, Oesterr. Lloyd, Lloyd Triestino) kaj ĝenerale konata pro la nomo de la ŝtatisto Lloyd George memorigas je brita entrepreno grava por la asekurado de ŝipoj.*

*La jena artikoleto, sen reklama celo, provas informi la legantaron pri tiu ĉi entrepreno, tipe brita laŭ organizo kaj tradicio.*

---

Dum la lastaj jaroj, pluraj grandaj ŝipakcidentoj altiris la atenton de la publiko kaj oni sin demandis, kiel tiaj grandaj perdoj estas egaligataj de la ŝipkompanio. Ni kutimas ja en civilizitaj landoj forigi la riskon de brulo, de akcidento per la asekuro. La asekurigo de ŝipoj, objektoj de milionvaloroj estas specialaĵo; kun ĝi estas ligata la nomo *Lloyd*.

Kelkajn minutojn de la *Bank of England*, la moncentro brita kaj tutmonda, troviĝas en strato Leadenhall la konstruaĵo de Lloyd. Vizito en ĝi estas tiom interesa, kiel ekzemple la ŝanĝo de la reĝa gardo antaŭ la palaco aŭ promeno vespera en la danĝeraj kvartaloj de la metropolo. Vizito ĉe Lloyd estas riĉa je kontrastoj kaj instrua pri britaj kutimoj, ĉar tie oni troviĝas meze de pulsanta vivo moderna kaj arkaikaj formoj el pasintaj jarcentoj. Miksaĵo plej impresiga de pasinto kaj moderno, de primitiveco kaj de komplikeco, romantismo kaj sobreco. La nova konstruaĵo de Lloyd estas granda, moderna kun mallarĝa fasado, oni kredus pli vere Bankon. Ĉe fino de longa koridoro staras viro en ruĝa uniformo, forpetante tiom ĝentile, kiom energie ĉiun nedezirindulon. Li gardas la eniron al salono grandega, aerumita kaj hela, alta kiel preĝejo, escepte ke tie-ĉi regas ĉio alia, ol pieca kvieto. Ondegaro da homaj voĉoj plenigas la salonon kaj super ĝi aŭdiĝas senhalte nomoj, vokitaj de viro, starante meze de la salono sur katedro. De l'eniro oni komunikas al li la nomojn de la novalvenintoj, tuj diskonigataj de li. Mikrofonoj disvastigas la informon ĝis en la lasta angulo. Oni emus tuj esprimi sian miron por tiu ĉi moderna aranĝo, jen oni malkovras apud la viro en la katedro, malnovan ŝipsonorilon el la 18-a jarcento. Ĝia svingilo estas movigata, kiam okazas io grava — plej ofte temas pri ŝipakcidento — por ĝin diskonigi.

Tiu ĉi apudeco de moderna tempo kaj de pasinto ripetiĝas tie ĉi je ĉiu paŝo. Ie staras gigantaj libregoj, en kiu ĉiutage estas enskribitaj per larĝa manskribo la plej gravaj akcidentoj kaj okazintaĵoj de la ŝipveturado (navigado). La unua « *perdlibro* » datas de antaŭ 150 jaroj. Ĝi ne diferenciĝas multe de la nuna. Tiutempe oni enskribis ankoraŭ per ansera plumo. Radiotelegramoj tuj rekondukas nin en modernan tempon. Ilin oni sieĝas, ili alportas novaĵojn pri akcidento kaj oni diskutas pri la domaĝo supozebla.

Videbla estas nur viroj en tiu ĉi salono, nenia stenotipistino, nenia sekretariino laboras tie ĉi, nur makleristoj, asekuristoj kaj klientoj, kiuj prizorgas siajn asekurnegocojn.

Oni povus nomi Lloyd « asekurborson ». La signifa detalo tie-ĉi estas la granda nombro de individuaj asekureto de *Underwriters* — tiel estas la angla nomo por asekuristoj —, kiuj sub perado de makleristoj transprenas parton de la asekuro je propra risko. La alteco de la kotizo — proksimume 400 funtoj — garantias por la pagokapablo de tia *Underwriter*, same la deponita kaŭcio de 10.000 funtoj. Ĉar povas partopreni laŭvola nombro de *Underwriters* ĉe asekuro kaj ĉar la tuta sumo de la rezervoj de Lloyd sumas je pli ol dek milionoj da funtoj, ne okazas limigo de asekursumoj. Antaŭ plenigo de asekuratesto (poliso) oni kolektas la subskribojn de la unuopaj asekuristoj sur kartono.

La viro, laŭ kiu estas nomata tiu ĉi institucio kaj kiu estis transprenita de pluraj ŝipkompanioj mortis en la jaro 1713. Se li revenus kaj vizitus Leadenhall Street li miregus pri la famo de la propra nomo kiel pri enigmo. Eble unu detalo lin memorigus je la propra epoko : La formo de la benkoj kaj tabloj per kiuj la salono estas instalita, kiuj apenaŭ estas akordigeblaj kun la cetera aranĝo tute nuntempa — plej malmulte kun la telefonoj fiksitaj ĉe la tabloj, — kiuj interligas asekuriston kun sia firmo. Strange estas ankaŭ, ke ne staras tie modernaj oficej-mebloj, sed nur simplaj benkoj kaj tabloj kun intermuroj, kutimaj en la anglaj kafejoj de la 17-a kaj 18-a jarcentoj.

Kelkaj bildoj en la biblioteko ĉe Lloyd permesas al ni rigardi la malnovan *Coffee House* de tiu ĉi Edward Lloyd en la Lombard Street 16, kiu troviĝis proksime de la Londona ĉefpoŝto. En tiu ĉi simpla ejo, rekontiĝis antaŭ du kaj duonjarcento la komercistoj, ŝipistoj kaj ŝipestroj, por interŝanĝi novaĵojn pri lastaj okazintaĵoj, precipe pri la sorto de ŝipoj. En tiu-ĉi kafejo oni povis renkontiĝi virojn, kiuj asekurigis ŝipojn kaj ŝarĝojn. Tie ĉi estis la modestaj komencoj de la pli poste tiom fama *Lloyd*. La ideo, disponigi sian kafejon por negocoj tiaspecaj, ne venis de Edward Lloyd mem. La reĝa borso ne estis sufiĉe granda kaj la bierejoj de la 17-a jarcento bruemaj kaj alkoholodorantaj ne estis taŭgaj lokoj por tiaj negocoj. La unua kafejo en London, fondita 1652 de viro el Ragusa trovis tiom da aprobo, ke jam 5 jarojn poste ekzistis ne malpli ol 3.000 tiaj lokaloj. En la pli bonaj kafejoj renkontiĝis la aferistoj. Oni pagis pencon kaj rajtis tason da kafo plie sidlokon por laŭvola daŭro, kaj plie oni povis ricevi inkon skribilaron kaj paperon. Tiel oni povis tute proksime de la borso plenumi siajn negocojn.

Tia kafejestro estis Edward Lloyd, kiu komencis en malgranda kafejo ĉe la Tower Street kaj kies lokalo iĝis iom post iom la centro de informado pri ĉio rilata je ŝipveturo. Ĉe Lloyd oni povis trakti la plej bonajn asekurojn kaj Lloyd fariĝis fine ankaŭ la ĉefa loko por ŝipaŭkciado. Ankaŭ ĉe Lloyd estis eldonita la unua periodaĵo, trifoje semajne.

La nomo « *Lloyd's Coffee House* » konserviĝis pli poste ankaŭ por la centro de la privataj *Underwriters* kiam oni translokiĝis en la borson kaj la kafejo tute ne plu ekzistis. Tradiciemaj la britaj aŭtoritatoj ĝis 1918 adresis korespondaĵojn al « Lloyd's Coffee House ». — Baldaŭ etendiĝis la negocoj je aliaj aferoj, ne plu asekuroj, preskaŭ vetoj el kiuj iuj eĉ elvokis protestojn publikajn. Ekzemple, ke ia loka aŭtoritato estos « *fordankata* » dum certa tempo, aŭ ke tiu aŭ alia nobelulo malaperos de la politika scenejo. Eĉ la voĉo de Caruso estis asekurita ĉe Lloyd. Ke Lloyd okupiĝis pri ĉiaspecaj asekuroj — escepte tia pri vivo — ne plu mirigas, kiam oni pensas pri la situacio de la ŝipveturado. Tamen ŝipasekuroj estas ĉiam ankoraŭ la plej grava laborkampo de tiu ĉi instituto.

En la arkivoj de la domo en Leadenhall Street troviĝas orde klasitaj la biografioj de sennombraj ŝipoj kaj la vico estas seninterrompa ĝis niaj tagoj. Ankaŭ la ŝipestroj (kapitanoj) estas sub la esplora atento de la instituto. Ekzistas speciala *Kapitanĉambro*, kie en dikaj volumoj troviĝas informoj pri kariero kaj vivo de la plej multaj ŝipestroj. Kiam venas informo, ke ŝipestro kulpas en akcidento grava, tiam malaperas lia nomo el la registro.

Simbola esprimo de la ŝanĝoplena historio de Lloyd vidiĝas en la asekuratesto (poliso) mem. Stranga mikŝaĵo de plej sin kontraŭdirantaj detaloj, ĉar la nuna formo estas la sama el la jaro 1779, kun frazoj kiuj nur povas rilati al la kondiĉoj de tiu fora tempo. Vera muzeaĵo, kaj se verkita hodiaŭ oni deklarus ĝin laboro de frenezulo. La malnova formo tamen estas sanktigita per la tradicio. La fakto, ke dokumento laŭjure atakebla, neniam estis kontestita, pruvas kiom da fido la brita mondo komerca alportas al tiu ĉi originaleca institucio.

(*Prilaboris : G. A.*)

---

# DORMO ANSTATAŬ SINMORTIGO

---

Lastatempe aperis interesaj studoj de psikologoj pri la dorma fenomeno ĉe la homoj. Franca kuracisto, D-ro Roger el Marseille, konstatis ĉe multaj oficiroj kaj soldatoj nerezisteblan subitan bezonon al dormo kiam ekpafis la unuaj egaj bombardadoj dum la mondmilito.

Germana kuracisto, D-ro Landenheimer el Műnchen, kolektis plurajn ekzemplojn de tiu sama fenomeno : Oficiro falis subite en dormon ĝuste kiam li devis ordoni atakon. Komercisto, kies negoco malbone fartis dum inflacia krizo, estis apenaŭ vekebla ĉiumatene. Unu tagon, ricevinte malfavoran sciigon per telefono, li ekdormis kun la aŭskultilo en la mano.

Junulino, petita edziniĝi kaj nescianta ĉu konsenti, ĉu rifuzi, dormadis preskaŭ tage kaj nokte ĝis kiam ŝi fine decidis jese kaj tiam tuj resaniĝis. Dekn-aŭ-jara knabo, ĉiam disputanta kun la patro, ekdormis efektive preskaŭ ĉiam, kiam li ekvidis lin revenanta hejmen.

En *Archiv für Kriminologie* D-ro Weimann rakontas eĉ pli rimarkindan okazon. Juna viro, post kolera sceno kun edzino, provas sin mem mortigi per hakilo, sed ne kuraĝas frapi sin sufiĉe forte. Apenaŭ li vundetis sin je du aŭ tri lokoj kaj falas en profundan dormon. Tiel, profunde dormanta, la policanoj trovas lin apud la mortigita edzino.

Post studo de tiaj diversaj atestoj kaj de propraj observoj konkludas profesoro Edouard Claparède, ke temas pri « forkuro al dormo » simile kiel parolis jam Freud pri « rifuĝo en malsanon ».

Timante la eksterajn cirkonstancojn kaj ankaŭ timante la morton, la homa organismo rifuĝas al dormo kvazaŭ al *Ersatz*, anstataŭaĵo de sinmortigo.

La fenomeno tute konformiĝas al la psikologia klarigo pri la dormo, konsiderata kiel defendilo aŭ uzata per defenda reflekso. Tiu reflekso similas elektran turnileton, kiu ĉesigas lumon.

La homa nervaro konsistas el du sistemoj, unu (la centra nervaro) rilatas al ekstero kaj ebligas ĉiujn sentojn kaj movojn, alia (la parasimpatika nervaro) servas al interna konserviĝo kaj repariĝo de la maŝino, pure vegeta funkciado.

Dum unu sistemo funkcias kaj plenumas la multekostan ĉiuminutan taskon de rilatoj kun la ekstero, la alia ne povas taŭge ŝpari rezervojn kaj refari la ŝtofon elspezitan. Tial la konservema instinkto intervenas, antaŭ ol estas tro malfrue, por estingi la lumon per defenda reflekso kaj haltigi la rilatadon kun la ekstero per la dorma stato.

Al sama haltigo pro timo aŭ malŝato povas ankaŭ emi subkonscie la homo por eviti la suferon de la konscia rilato kun la ekstero, inkluzive pripenso pri ĝi.

Tiam la simpla dormo havas similan negativan allogon kiel tiuj alkoholaĵoj aŭ drogoj « por forgesi », ja konataj de granda nombro da malfeliĉuloj, sopirantaj al forkuro el la suferado. Kaj certe natura dormo estas saniga anstataŭ malsaniga.

P.

# Tra la libraro

**Parnasa Gvidlibro. — Originala Romano — Universala Esperanto Metodo — Du japanaj lernolibroj.**

Se vivi estas batali, nia movado vivegas. Sur priorganiza grundo, atakas firman UEA la mortontnaskita UFE. Sur la lingva kampo, armilojn akrigas partianoj de simpla, facile lernebla komunikilo, kaj heroldoj de esprimkapabla poezia idiomo. Kvazaŭ manifesto por tiu lasta skolo aperas la *Parnasa Gvidlibro* de Kalocsay kaj Waringhien. La faka sperteco de l'aŭtoroj ne estas diskutebla, kaj dum longe oni nenion diros pri poeziaj arto kaj lingvo sen referenco al tiu unuaranga verko. Sed ankaŭ multajn timigas la sistema modifo en nia vortaro, kiel ankaŭ tiu propono apartigi de l'proza komuna lingvo la poezian, kiu fariĝus la teknika esprimilo de malmultnombra elito. La enhavo de l'libro prezentas tiom da ideoj, sugestas tiom da komentoj aŭ diskutoj, ke multaj paĝoj necesus por taŭge priparoli ĝin.

Post la lerta enkonduka balado de Kalocsay, kiu humore promesas :

« Do vidu, mankas ja nenio
Por helpi vin tra malfacil' :
Ni donas ĉion, krom genio. »

venas la unua parto : « Skizo de Esperanta Metriko », de Waringhien, plej funda, detala studo pri la reguloj, la versmodeloj, instinkte aŭ laŭteorie uzitaj de niaj ĉefaj poezitradukistoj. Sed, laŭ la aŭtoro, gravan mankon havas Esperanto, kiel poezia lingvo : ĝiaj radikoj ne estas sufiĉe elvokantaj ĉar : 1) ili estas tro ĝeneralsencaj, 2) nia lingvo estas preskaŭ nur skribe uzata, 3) en ĝi tro abundas vortoj kun prefikso : mal. La dua punkto, trudata de eksteraj faktoj, ne estas forigebla. La unuan oni venkos enkondukante multajn sinonimojn, kaj la trian, per alpreno de novaj radikoj anstataŭontaj la plej oftajn malajn vortojn. Nu, tiuj du proponoj, profitaj por riĉigi la rimkolokton, certe kontraŭas la principojn de unusenceco kaj radikŝparo, kiuj estas fundamentaj. Do anstataŭ : malgaja, malvarma, mallonga, malrapida, malfermi, malsupre, mi diros : trista frida, kurta, lanta, aperti, infre, k.t.p. Ĉar troeco da silaboj, kaj manko da rimoj ĝenas la poetojn, la profito estas certa ; sed oni argumentas, ke malaj vortoj estas miskomprenataj, do forigendaj ; ke malvarmo pensigas je varmo. Tiu aserto estas malprava ; ĉu en la naturaj lingvoj ne svarmas tiaj vortoj ; ĉu aŭdante aŭ legante milojn da germanaj vortoj kun « un » aŭ « nicht » oni estas tiel trompata ; ĉu kiam mi deklamas france :

| | |
|---|---|
| Amour d'un homme malheureux<br>Pour une maîtresse infidèle. | (Jen amo de malfeliĉulo<br>Al amatino nefidela.) |

mi sonĝas pri feliĉa homo kaj lia fidela kunulino ? Tute ne. Cetere la rezonon oni povus direkti ne nur al ĉiuj vortoj kun « mal » « ne » « sen », sed ankaŭ al neaj frazoj ; se en : « Mi estas malkontenta », vi perceptas kontentecon, vi ĝin trovos ankaŭ en : « Mi ne estas kontenta ». Sed ni lasu tiun apartan punkton por konfesi, ke la tuta difinaro, regularo, ekzemplaro de la skizo pri metriko estas vera kompendio ne plu ignorenda.

La « Arto Poetika », kiu sekvas, estas ĉefverketo de Kalocsay. Reguloj kaj konsiloj, eĉ por poetoj, estas esence proza temo. Verki ilin verse, kaj atingi klarecon, trafecon, instruon kaj humoron estas vetmajstraĵeto. La samspecaj lecionoj de Boileau, Gautier, Verlaine, liveris ofte citatajn aforismojn ; ankaŭ ĉi tiu abundas je form- kaj fundtrafaj rekomendoj aŭ rimarkoj ; estas plezuro kopii kelkajn :

*« Vendiĝas la romanoj, kvazaŭ pano,*
*Sur versojn — kraĉas la samideano.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Do se vi volas la leganton plaĉi,*
*Vi devas al li ĉion antaŭmaĉi.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Inventoj ĉie, je miraklo pretaj,*
*Sole la homoj estas etaj, etaj.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*La karavano malgraŭ hunda bojo*
*Pluiras.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Ke povas la sonet' dekkvarlinia*
*Pli diri, ol volumo milfolia.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Ne ju pli lude oni vin komprenas,*
*Atenton, korojn des pli vi katenas.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Frazerojn ne disjetu, ĉar finfine*
*Vi Esperante skribas, ne latine.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Do — viajn versojn fajlu sen ripozo,*
*Ĝis ili fluos, kiel bona prozo.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Vi devas ĝin cizeli kaj emajli*
*Kaj, se necese, kvindekfoje fajli.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Poet' naskiĝas, jes ja, kaj nenio*
*Vin poetigos, manke de genio.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Forpuŝu ĉiujn ĝenojn artifikajn*
*Kaj harfendaĵojn subtilgramatikajn.*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
*Ke la logiko servu al la lingvo*
*Kaj ne la lingvo estu ĝia sklavo. »*
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

La tria parto de l'libro estas « Esperanta Rimaro ». Tiu vortaro estas pli riĉa kaj pli praktike aranĝita ol samaj antaŭe aperintaj. Distingeblaj estas la oficialaj radikoj, kaj ankaŭ neologismoj aparte klarigataj ; la teknikaj vortoj, pli malofte uzataj, aperas en piednotoj, kaj parencrimoj (vintro-cindro, aĵo-paŝo, avo-pafo), tiel taŭgaj, ankaŭ enestas.

Sed la kvara, plej mallonga parto : « Poezia Fakvortaro » estas, ne senkaŭze, plej riproĉata ; ĝi enhavas la radikojn de l'Rimaro ne troveblajn en Plena Vortaro de SAT, kaj do estas kvazaŭ listo da neologismoj proponataj por nia lingvo, almenaŭ en poezio. Pro kio, tiu kvanto da maldecaj vortoj, kies bezonon nur tre malmultaj sentis, mi esperas. Vortoj, kiuj vere mankas, aŭ esprimas ideon ĝis nur malsimple direblan, estas provendaj, kiel ankaŭ sinonimoj, se ili permesas utilan nuancon. Sed ĉu : resurekti apud reviviĝi, botono apud burĝono, friŝtiko apud frumanĝo, antropofago apud hommanĝanto kaj kanibalo, dramaturgo apud dramverkisto, cirkonspekta apud singardema, iel donas novan ideon ; certe ne, kaj ili eĉ ne posedas la mallongecon foje deziratan ; fine la antaŭe cititaj anstataŭaĵoj de l'malaj vortoj ankaŭ estas multaj en tiu listo.

Tial, kompreneble, ĝi estas kritikata, kritikenda, ricevis malvarman akcepton.

Sed ekster tiu parto, fakto restas, ke inter la studindaj verkoj por tiuj, kiujn la lingvaj kaj poeziaj demandoj interesas, PARNASA GVIDLIBRO okupos ĉeflokon.

---

Ankoraŭ nun, sufiĉe grava por ni, estas apero de nova originale verkita romano. Tio estas : *Homoj sur la Tero* de Stellan Engholm. Interesa rakonto, flua komprenebla stilo, agrablaj naturskizetoj inter la faktoj sinsekvaj, portretoj tre sukcesaj se oni atentas, ke la personoj estas preskaŭ senkarakteraj, lertaj novaj esprimoj kaj komparoj, ĉi tio igas la legadon ĝua. Nur maloftaj neologismoj aŭ alisencigitaj vortoj estus kritikindaj. Sed la libro lasas strangan impreson ; oni malfacile konvinkiĝas pri ĝia verŝajneco. Ĉu vere vivas homoj tiom ekstere de la nuna socio, senenergiaj, veraj ludiloj de neklare percepteblaj fortoj, ĉiu enfermata en si mem, fremda eĉ por siaj familianoj, ne kapabla trovi vivcelon, ĉion rezigne akceptanta ? Kaj, se ili ekzistas, ĉu ili meritas priparolon ? Ankaŭ la vera intenco de l'aŭtoro ne klare aperas ; ĉu li nur volas priskribi tiujn senanimulojn ; ĉu temas pri persista neniiga influo de aparta medio ; ĉu oni serĉas pruvon, ke hazardo ĉion regas kaj, ke tro ofte, homoj stulte fuŝas sian surteran vivon kaj tiun de l'proksimuloj ? Necesa unueco mankas, ĉar, kvankam ĉio rilatas al unu familio, al ties bieno, la rakonto ampleksas tri generaciojn, konsistas el tri romanoj preskaŭ same gravaj, kiuj havas tiun komunan trajton, ke en ili viro kaj virino ne pli komprenas unu alian ol inter si gepatroj kaj filoj. Laŭ mi, tiu romano ne superas « Al Torento », kiu konigis la aŭtoron ; sed la juĝo pri la temo traktita ja dependas de personaj gustoj kaj kredeble aliaj vidos en tiu stranga libro kvalitojn, kiujn mi ne sukcesis trovi.

---

Oni jam presigis lernolibrojn nur esperantajn, ĉiulande uzeblajn ; oni ofte helpis instruon per bildoj ; sed tiujn rimedojn oni neniam aplikis tiel grandskale, kiel en *Universala Esperanto Metodo* de l'Usona kompilisto D-ro Benson. Ĉio tie fariĝas supermezura. Pro la miloj da bildetoj kun iliaj tekstoj, oni ne povis presi kiel kutime, sed devis speciale kliŝi ĉiun paĝon, kaj estas 560 da ili. Kian kolosan preparan laboron tio postulas, kaj kiom kosta estas tia eldono ! Tial ni ja kredas la prospekton dirantan, ke tiu bele bindita volumo vendata 4 dolarojn, kostas por la eldoninto preskaŭ 10 dolarojn, kaj ke nur eventualaj postaj reeldonoj povos kompensi la nunan oferon.

La verkinto opinias, ke per tia libro ĉiu povas sole kaj hejme ellerni la lingvon. Unu parto : « Lernigilo » instruas ne nur gramatikon, sed vortojn kaj frazkonstruon ; memdemandadon ebligas resumaj bildetoj fine de ĉiu leciono ; poste la lernanto iras al la « Krestomatio », gradigitaj legaĵoj ; kaj klarigon pri ĉiu nekonata vorto, li trovas en la « Vortaro », tria plej ampleksa parto. En 36 lingvoj estas montrata la prononcado de l'literoj kaj estas tradukata la tabelo de l'korelativaj vortoj. En la vortaro, ĉiu grava vorto havas tradukon en 40 lingvoj. Interesaj tabeloj de laŭsence listigitaj vortoj kaj alfabeta indekso estas ĉe l'fino. La 11.000 bildojn mi ne kalkulis. Kiom da pacienco, da pripenso, da trovemo, eĉ da spriteco por desegni ĉiun regulon, sufikson, vorton, la plej taŭgan simplan klarigan ilustraĵon. La vortaro speciale estas unikaĵo ; ĉiun sencon montras rilata objekto, aŭ agantaj personoj, aŭ vortklarigo ; multaj ekzemploj akompanas la t.n. ŝlosilvortojn ; derivaĵoj, kunmetaĵoj ne mankas. Krom memlernado, la libro estos por instruantoj, kursestroj, neelĉerpebla fonto da utilaj sugestoj, vort- aŭ frazkolektoj, ekzemploj. La krestomatio estas tre ampleksa ; ĝiaj unuaj tekstoj ankaŭ havas bildaron ; ĝi konsistas el anekdotoj, rakontoj, historietoj eltiritaj el diversaj gazetkolektoj, kaj tiu riĉeco, ne ofte profitata, liveris abundan kaj bonan legaĵaron. Ni ne garantias, ke en tia ampleksa verko, ne enŝoviĝis gust- aŭ senceraretoj (ekzemple baleno kaj polpo ne estas fiŝoj ; mi skribus uf ! anstataŭ uff ! kiel ekkria vorto ; bildoj pri « animo » « evolucio », estas infane naivaj).

Resume : interesa, originala, utila novaĵo inter instrulibroj. Ĝis nun, rekta metodo servis dum kursoj, kaj memlernado uzis tradukojn ; nu ĉi tiu ankaŭ posedas taŭgan rektan instruilon. Povu la faktoj pruvi, ke la verkinto ne iluziis taksante la bezonon al kiu li volis provizi, kaj la ekonomia krizo ne malhelpu vendadon de libro, kies prezo estas nekutima, sed ne troa kompare ĝian konsiston.

---

En luksaj bindaĵoj, perfekte presitaj kaj eldonitaj aperas du vere modelaj lernolibroj por Japanoj, verkitaj de Y. H. Iŝiguro. La unua estas : *Esperanto por komencantoj.* Oni indulgu recenzanton ignorantan japanan literaron ; li nur supraĵe povas juĝi. Dediĉata al S-ro A. Ĉe, la lernolibro kredeble profitis lian metodon. Ĝi iras malrapide, paŝon post paŝo, kun multaj klarigoj. Tion postulas la fakto, ke, por Japanoj, ĉio en Esperanto estas fremda. Tiea popolano devas ellerni literojn presajn kaj skribajn, nekonatajn konsonantojn, antaŭ ol studi la lingvon mem. Li ne, kiel ni, nur translokiĝas en alian domon, sed devas mem konstruadi novstilan, ŝtonon post ŝtono. Oni rimarkas la laŭgradan enhavon, la atenton pri malfacilaĵoj, klaran preson de l'prilaborataj tekstoj ne nur tradukitaj, sed sure akompanataj de fonetika prononcado. Tiel 230 paĝoj necesis por nur elementa instruilo.

Ankaŭ bone plenumas la promeson de sia titolo la dua samaŭtora libro : *Praktika gvido de la korespondo en Esperanto.* Unue surprizas tiucele tuta 300 paĝa volumo. Kredeble skribkutimoj ne estas similaj en Japanujo kaj Eŭropo, kaj konsiloj necesaj nenecesaj ĉe ni estas tie utilaj. Foliumante la libron oni vidas ĝian riĉecon kaj taŭgecon. La letermodeloj ne estas ĉiuj arbitre verkitaj, sed laŭeble kopiitaj el veraj sendaĵoj ; multaj ilustraĵoj ankaŭ instruas pri eksteraĵaj detaloj. Piede de l'paĝoj multaj tradukoj kaj klarigoj faras el la libro veran duan perfektigan kurson, dum la multaj citoj en la tekstoj, pri aŭtoroj, pioniroj, libroj, organizaĵoj, ĵurnaloj kaj eventoj, ebligis, en finĉapitraj notoj, liveri ĉion necesan pri la historio, la literaturo, la asocioj. Do ne nur pri korespondo, sed pri tuta nia movado, temas la libro krom la multaj modeloj, adresaranĝoj, komencaj frazoj, salutoj, gratuloj, invitoj, kondolencoj, petoj, rifuzoj, senkulpigoj, telegramoj, komercaj aferoj, amleteroj, k.t.p. (Pri tiuj lastaj, jen la sinkevo de l'alparoloj, grade pli intimaj : *Estimata Fraŭlino, — Estimata Fraŭlino A. — Kara Mario, — Mia karega Manjo, — Plej amata mia*). Ni notu ankoraŭ informojn pri formato, faldado, kovertoj, respondkuponoj, maŝinskribo, klasado, stenografio, listo de uzataj mallongigoj, k.t.p. Amuza estas la instrua paĝo pri *subskribo.* Inter la reproduktitaj subskriboj de konataj esperantistoj, Prof. Cart, Teo Jung,

Edm. Privat, Rollet de l'Isle, Hans Jakob, sekvas tiu de .................... Vilhelmo II-a ! En sia fako, tiu libro estas la plej kompleta ĝis nun aperinta; Japanoj povas fieri pri tiu instruilo, ĉar similan ni ne konas por aliaj lingvanoj.

15. Februaro 1933. G. S.

*Petit Annuaire de la Confédération Suisse* 1933.

*Kleiner Schweizerischer Staatskalender* 1933. — Eldonita de firmo Suchard en Neuchâtel, Svislando. Tiu ĉi entrepreno unu el la konataj ĉokoladfabrikejoj svisaj eldonas kalendareton (germana kaj franca eldonoj) kiu sur 68 paĝoj prezentas praktikan gvidilon tra la ŝtata vivo svisa. Historiaj datoj, praktikaj informoj mallongaj, ciferoj, geografiaj, etnografiaj, politikaj informoj, ĉio praktike aranĝita, sen balasto. Oni povas ricevi ekzempleron de la kalendareto, sendante koverton de la « Jarcent-jubilea » ĉokolado kun 5 centima poŝtmarko kaj adreso svisa al Chocolat Suchard, S.A. Reklama-sekcio, *Serrières*, Neuchâtel. (Al la Delegitoj de UEA en Svislando ni sendis ekzempleron kun la Oficiala Bulteno n-ro 28.)



**Ĉu vi jam pagis vian kotizon ?**

**SE JES...** dormu trankvile.

**SE NE** ..............................

# Mainz ĉe la Rejno

Por tre granda parto de kongresanoj la vojo al Kolonjo iras tra Mainz. Tial ni diru kelkajn vortojn pri la ora Mainz, « aurea Moguntia ». Mainz, la suda pordego al la plej pitoreska parto de l' Rejnvalo, la du-miljara urbo, fondita de Romanoj, lokas ĉe la enfluo de la Majno en la Rejnon. La urbo havas multajn vidindaĵojn kaj trezorojn el granda pasinteco. La juvelo de la urbo estas la miljara katedralo, restarigita en 1926-28. Multaj muzeoj ĝuas mondfamon kaj invitas scienculojn, arkeologojn, historiistojn kaj artamantojn. — Moderna vigleco trapulsas la hodiaŭan grandurbon. Sed en siaj antikvaj partoj ĝi ankoraŭ montras pentrindajn, maloftajn, mezaĝajn stratbildojn, antikvajn domojn kaj palacojn kun harmoniplena arkitekturo.

La situo en la krucpunkto de la Rejn- kaj Majnlinio certigas al la urbo favoran internacian trafikon. La fervoj-ĉeflinio de Anglujo, Belgujo kaj Nederlando al Sud- kaj Orienteŭropo iras tra Mainz. Sur unuarangaj stratoj rapidegas aŭtomobiloj de ĉiuj nacioj. La Rejno portas pli da ŝipojn ol iu ajn riverego en Eŭropo.

La urbo Mainz estas kunligita kun la nomo de Gutenberg, la eltrovinto de la presarto. En Mainz laboris jam en 1445 la unuaj potencaj presiloj. Tie ĉi naskiĝis la eminentaj frupresaĵoj, unikaj laŭ beleco. Fidele la urbo gardas la heredaĵon kaj ĝuas la famon, esti la unua presurbo sur la tero. Ĝi honoras la memoron al Gutenberg per finkonstruo de Gutenberg-muzeo. Tiu muzeo montras la grandegan evoluon, disvastigon kaj superan signifon de la nigra arto. Ĝi enhavas grandajn trezorojn el la frutempo de la presarto : La originaldokumentoj el la vivo de Gutenberg, la Mainza fragmento de la « Lasta juĝo », unu volumo de la 42-linia biblio, la presaĵoj per « katolikon tipoj » (1460), la 48-linia biblio de 1462 kaj aliaj. En Mainz estos konstruata — ĝis 1940 — la mond-presmuzeo, la templo de literoj.

Alte super la turriĉa urbo — en iama fortika citadelo — tronas la plej juna infano de la urbo : la Tutmonda Pedagogia Instituto. Ĝi enloĝigas ĉiamajn kaj ŝanĝantajn internaciajn pedagogiajn ekspoziciaĵojn. La Junulara Ruĝa Kruco montras sian popolinterligan laboron. Aŭstrio, Hungarujo, Ĉeĥoslovakujo, la urboj Londono kaj Basel, jam aranĝas belegajn ekspoziciojn, Usono montras interesaĵojn el sia instrufako, subtenata per la prezidanto de la Kolumbia-universitato en Nov-Jorko. Gastdomoj kaj studenthejmoj en la instituto mem donas okazon por interkonatiĝo de pedagogoj el ĉiuj landoj. Granda ekspozicio de ĉiuspecaj lerniloj montras la kunlaboradon de la tekniko kaj lernejo. Ankaŭ Esperanto trovis lokon en tiu instituto. Esperanto-ĉambro montras ĉiaman ekspozicion de instrumaterialo ĉiuspeca.

Kongresanoj ! Por multaj el vi la vojo al la kongreso iras tra Mainz. Disponigu unu aŭ du tagojn antaŭ la kongreso por nia urbo, kolektiĝu ĉe ni, pacaj batalantoj. Festornamita salonŝipo vin portos la 29an de julio en okhora komforta Rejnvojaĝo al Kolonjo, la kongresurbo. La ĝuo de bela somertago sur la Rejno estas unika. Kiu en 1929 faris la ŝipveturadon Wien-Budapest al la tiama kongreso, kun ĝojo rememoros tiun belan tagon sur la Danubo, kaj volonte akceptos la proponon, ĝui saman belan tagon en gaja samideana rondo sur la plej romantika parto de la Rejno. La Esp. grupo de Mainz faros ĉion eblan por beligi al vi la tagojn en Mainz kaj aranĝi komunan ŝipveturadon.

# Pri novaj vortoj

En la Januara numero aperis sur paĝo 8 pledo por enkonduko de radikvortoj, anstataŭantaj aron da vortoj kun prefikso « mal ». El la aro da respondoj ni publikigas unu, kiu kvazaŭ esprimas opinion de multaj.

Sinjoro Sieche faris la proponon enkonduki radikvortojn por la tro oftaj « mal » vortoj. La fakto, ke via konatulo, tre ŝatata samideano, intermiksas « *seka* — *malseka* » ne pruvas la necesecon de novaj vortoj. Se efektive oni enkondukus laŭ via propono alian vorton por « malseka », ekzemple « uvida », via konatulo same intermiksos « seka » kaj « uvida ». La konfuzon pri la « mal » vortoj, se ĝi efektive estus, vi tiamaniere ne forigos, male per tio oni nur estigus konfuzon. Sinjoro Sieche proponas duonoficialan areton da vortoj. Ne, Sinjoro Sieche, aŭ oni enkonduku vortojn, kiujn oni intencas oficialigi, se ili montriĝos taŭgaj, aŭ, se oni ne volas oficialigi ilin, oni tuj rezignu pri ili, sed oni ne faru ion duonoficialan : Vorto estas aŭ oficiala aŭ neoficiala, io alia ne estas. Nin ĉi tie kompreneble nur interesas oficialaj vortoj. Kio estiĝus, se oni enkondukus radikvortojn anstataŭ certaj « mal » vortoj ? Aŭ oni ne plu rajtus, uzi la « mal » vorton, ekzemple la malo de « seka » estus « uvida », kaj la vorto « malseka » ne plu ekzistus. Tio estus kontraŭ la principoj, sur kiuj baziĝas nia lingvo, kaj enigus malklarecon kaj konfuzon en ĝin. Alia ebleco estus, ke ambaŭ vortoj povus esti uzataj, do oni povus diri « malseka » kaj « uvida »; en tiu kazo la nova vorto « uvida » ne estus necesa, sed eĉ superflua. Sinjoro Sieche mem diras : « Ni *ne* deziras nenecesajn vortojn.» — Cetere mi ĝis nun ne konstatis, ke la « mal » vortoj kaŭzas tian konfuzon, male ili tre faciligas la lernadon de nia lingvo; antaŭ kelkaj tagoj unu el miaj kursanoj esprimis al mi ĝojon kaj kontentecon pri tio, ke en Esperanto oni ne bezonas lerni tiom da vortoj, kiom en aliaj lingvoj. Tiun avantaĝon oni laŭ mia opinio forigus per enkonduko de vortoj deziritaj de la proponinto, kaj oni enigus la konfuzon en nian lingvon, kiu ĝis nun ne enestas.

Ĉar ni parolas pri novaj vortoj, mi permesas al mi demandon pri tiu temo. Laŭ mia scio oni oficialigis la, kiel mi opinias, tute superfluan prefikson « mis », sed la treege necesa kaj sufiĉe longe jam proponita kaj ĉie jam uzata sufikso « enda » ne jam estas oficiala. Kial ? Kiam oni fine oficialigos « enda » ? Tion demandas ankaŭ simpla esperantano.

Harry WILKE, Berlin.

# Sopiro de mia fileto

Multo ŝanĝinda ekzistas en ĉi tiu mondo. En Londono la fileto de Tomfool sin esprimis tute klare :

Vespere miras mi, kial devige tiel malvarman liton mi trovas ĉiunokte, kial devige tiom glaciaj tukoj atendas miajn krurojn, timemajn enpuŝiĝi.

Kiam kapo de l'patreto kliniĝas al la pordo kaj signifas sendiskute : « estas tempo enlitiĝi », kiom bele estus tiam, se mi rajtus ne iri !

Matene miras mi, kial varme kaj komforte la sama lito min dorlotas, ĉirkaŭumas kaj entenas kvazaŭ ingo mendita laŭ mia propra formo, ĝuste kiam necesas leviĝi kaj forlasi la neston.

Kiam okuloj de patrineto ridetas al mi kaj signifas inviteme : « estas tempo ellitiĝi », kiom bele estus tiam se mi rajtus plue resti !

Miras mi kial aferoj ne estas aranĝitaj ĝuste male, ĉar ne sola mi preferus tiun ŝanĝon dezirindan.

# ASIRIAĴO

De J. V. VON SCHEFFEL.

*En « Nigra Balen' » de Askalon*
*Vir' drinkis tagojn tri,*
*Ĝis kun rigid' de balail'*
*Sub tablo kuŝis li.*

*En « Nigra Balen' » de Askalon*
*La Mastro diris : « Nu*
*Li drinkas da daktila suk'*
*Sen pago ĉiam plu. »*

*En « Nigra Balen' » de Askalon*
*Al gasto kelnerar'*
*Surbrike portis en kojnoskrib'*
*Fakturon pri la var'.*

*En « Nigra Balen' » de Askalon*
*Jen diris gast' : « Ho ve*
*Foriĝis tuta mon' jam en*
*« Ŝafid » de Ninive.*

*En « Nigra Balen' » de Askalon*
*Eksonis kvara hor'*
*Elpelis nigra domservist'*
*Fremdulon kun fervor'.*

*En « Nigra Balen' » de Askalon*
*Profet' valoras ne*
*Sed kiu tie pagas tuj*
*Amuze vivas tre.*

(Trad. Heinz REINHOLD.)

# La nekonata batalanto

Per tiu ĉi nova rubriko ni volas sinsekve aperigi mallongajn, se eble telegrafstilajn biografiojn de samideanoj — silentuloj — kiuj laboris por la movado, sed pri kiuj parolas nek kanto nek historio.

Apud la eminentuloj estas la aro da homoj, kiuj ne postlasas memorajojn, sed kies persista laboro abelsimila ja sukcesigis la ideojn de la eminentuloj. Al ili apartenas tiu-ĉi paĝo.

Ni danke akceptas atentigojn kaj informon por la nova fako.

Ni daŭrigas ĝin per la biografio de

**Dreves Uitterdijk**

Nederlanda pioniro, de frisa deveno, naskiĝis 1866. Verkis 1900 la unuan nederlandan lernolibron kun duobla vortaro kaj mem eldonis ĝin. Fondis la periodaĵon « Holanda Pioniro », 1902. Helpis lin en la sindona laborado samideanoj Romein, Bulthuis, Baart de la Faille, Geerlings kaj aliaj. En Boulogne 1905 li estis elektita en la Lingvan Komitaton. Pro la grava monofero kaŭzita per la eldono de lernolibro kaj gazeto li eĉ ne povis partopreni la kongreson. Centoj da paroladoj, artikoloj, donis la grundon por la hodiaŭ bela movado en Nederlando, kies nacia societo « La Estonto Estas Nia », estas fondaĵo lia. Modesta kaj honorevitema li daŭre klopodas en sia loĝloko, kie la domo *Esperanto* estas konata same bone kiel la Hiacinta Strato kie ĝi staras. Dum la unua nederlanda kongreso (1925) okazinta en Hilversum oni honoris lin per transdono de arĝenta laŭrokrono. Lasta dokumento de lia laboremo estis la verko « Aventuroj de S-ro Longkrurulo » verŝaĵoj lerte tradukitaj.



# Diversaĵoj

## Fraŭlino Lidia Zamenhof en Lyon

Laŭ instigo de S-ro E. Borel, delegito de UEA, la lyonaj esperantistoj invitis Fraŭlinon Lidia Zamenhof veni Lyon'on el Svedujo por gvidi Cseh-kurson.

Granda propagando estis farita per afiŝoj, prospektoj, invit-leteroj kaj radio. La komenca konferenco estis anoncita per favora artikolo en la ĉefa lyon'a gazeto « Le Progrès ».

Borel, la kunveno finiĝis per provleciono aŭskultata per vigla intereso. Venis pli ol 400 personoj pli multe ol la amfiteatro povis elteni, kaj proksimume 150 personoj devis resti ekstere. Tuj inskribiĝis 167 personoj kiuj regule sekvis la kurson de la komenco ĝis la fino.

La ĉefaj Lyonaj gazetoj favore raportis per longaj artikoloj kaj fotografaĵoj ekvekigantaj grandan intereson por la Ĉe metodo kaj laŭdinda pedagogia talento de la Filino de la Majstro. Malgraŭ la ne ordinaraj frosto kaj gripo kiuj multajn personojn retenis hejme ĉiu vespere kunvenis la lernantoj, inter kiuj oni rimarkis urbkonsilanton, ĉefojn de la Uniuĝo de l'










Bildo de l'varbilo
por la Cseh-kurso en Lyon

La dekano de la Universitato bonvolis pruntedoni amfiteatron por la kurso kiu komencis vendredon 12 de Januaro per publika senpaga konferenco sekvita de provleciono.

La konferenco estis farita de S-ro A. Philip, Jurprofesoro en la Universitato, pri la kreskanta valoro de Esperanto kiel potenca rimedo pro frata interkompreniĝo kaj racia kunlaborado inter la popoloj.

Poste Fraŭlino Zamenhof faris mallongan paroladon en Esperanto, kiun tradukis lerte kaj gaje, frazo post frazo S-ro Sindikatoj. Eminentan arĥeologon, tri gravajn personojn el la Radio stacio, Lyon-la-Doua, multajn instruistojn, skoltojn, k.t.p.

Ĉiuvespere la aperon de Fraŭlino Zamenhof salutis tondro de aplaŭdoj, kiujn sekvas konversacio, en kiu partoprenis, forte, kuraĝe, kaj elegante la tuta lernantaro.

Dank'al la apogo de pluraj urbaj konsilantoj tre favoraj al nia movado, Sinjoroj Reybier, Clavel kaj Sahuc, la urbkonsilantaro destinis por la kurso subvencion en la sumo de 1.000

frankoj kaj krome decidis por ĉiujare starigon de urba-kurso al kiu ĝi destinis 2.000 frankojn pojare.

La Urbestro eks-ĉefministro S-ro E. Herriot, akceptante Fraŭlinon Zamenhof en la Urbdomo laŭdis Esperanton, kiu laŭ li, multon faros por la repaciĝo de l' popoloj. Li akceptis



esti fotografiita en sia kabineto kune kun Fraŭlino Zamenhof.

Okazis adiaŭa vespero ĉe Maison-Dorée kie ĉeestis pli ol 300 personoj kaj tre emociitaj oferis donacojn al la ĉarma profesorino kiu la dekkvaran de februaro iris al Belfort, Montbéliard kaj Valentigney gvidi aliajn kursojn, poste atendas sian vicon St. Etienne, Marseille, Bordeaux kaj Parizo.

Oni rajtas esperi ke la ĉeesto de la filino de la Majstro, kies mirinda talento kaj idealoj estas ne diskuteblaj, multe helpos nian movadon en Francujo.

---

# *Faka movado*

Sub tiu ĉi rubriko ni intencas publikigi regule informojn pri nia movado en specialistaj rondoj, la tielnomata *Faka* movado. Tekstoj al ni sendotaj devas esti plej koncize redaktitaj, kio certigas rapidan aperon.

## Unuiĝo de Esperantistaj virinoj (U.D.E.V.) petas vian atenton !

Ĉu ne virinoj pli ol viroj taŭgas por propagandi kaj fakte realigi la pacon ? Certe ! Ili estas la patrinoj, la edukantinoj ; ili ĉiulande povas semi en la infanaj koroj sentojn de solidareco, de toleremo, frateco, amo, kiuj pli ol ĉio ajn malebligas militon. Al multaj viroj ŝajnas iom nekuraĝe tiu memdefendado kontraŭ la milito. En tio estas kulpaj la miljaraj antaŭjuĝoj, laŭ kiuj ili estas devigataj per armiloj ŝirmi la patrujon, la hejman teron ! — Multàj antaŭjuĝoj malaperis, sed bedaŭre ne jam tiu ĉi kruela, tiom da mizero, morto kaj sufero disvastiginta kaj nur ĝia forigo, nur la plena senperforteco garantias la veran evoluon de la homaro. Ni estas nepre konvinkitaj pri tio kaj tial ni kiel virinoj per niaj fortoj kaj helpo de Esperanto volas kunlabori en tiu ĉi batalo kontraŭ la milito, speciale en kontakto kun jam ekzistantaj virinaj, porpacaj unuiĝoj, i.a. kun la Internacia Virina Ligo por Paco kaj Libereco, Internacia Unuiĝo de Edukistinoj kaj Patrinoj ktp. Pro tio estas necese, havi la adresojn de kiel plej eble multaj Esperantistinoj, kiuj estas membroj de iu porpaca ligo. Tial samideaninoj, helpu nin, aliĝu al *Udev* kaj kunlaboru kun ni.

Skribu aŭ al Elise Jakobs, Flensburg, Math.-str. 9, Germanujo.
aŭ M. Borel, Lyon, Claude-Bernard 1, Francujo.
aŭ Nora Kozma, Budapest VI, Andrissy ul 5, Hungarujo.




**ADRESO : TRAJANSTRASSE, 25, KÖLN**

*Poŝta ĉekkonto :* 25-a Universala Kongreso de Esperanto, Köln N-ro 52.
Banko : Dresdener Bank, Depositenkasse, Chlodwigplatz, Köln.

---

Oficiala Informilo 3.

*Aliĝoj :* Ĝis nun anoncis sian aliĝon 354 personoj el 26 landoj. Laŭlanda statistiko : Anglujo 35, Aŭstralio 1, Aŭstrio 8, Belgujo 18, Ĉeĥoslovakujo 13, Danujo 2, Dancigo 1, Estonio 1, Finnlando 1, Francujo 42, Germanujo 144, Hispanujo 12 (inter ili tri el Katalunujo), Hungarujo 3, Italujo 13, Japanujo 1, Jugoslavujo 1, Nederlando 23, Nederl. Hindujo 1, Polujo 14 (inter ili n-roj 1-12 rezervitaj por familio Zamenhof), Rumanujo 1, Saar-teritorio 1, Skotlando 4, Svedujo 5, Svislando 8.

*Informpetoj.* — Al ĉiuj informpetoj oni nepre aldonu respondkuponon. Atente legu antaŭajn informojn en tiu ĉi informilo kaj ne ripetu demandojn jam faritajn.

*Karavanoj jam anoncitaj : Angloj bonvolu sin turni al :*
British Esperanto Association, 142, High Holborn, London W.C.1.
Karavano de UEA : S-ro H. Moy Thomas, Ĉefdelegito de UEA, 142-a Camberwell Grove, London S. E. 5
Aŭstroj bonvolu sin turni al :
Registara konsilisto H. Steiner, Internacia Esperanto-Muzeo, Wien I, Neue Burg.
Italoj bonvolu sin turni al :
Esperanto-Centro Itala, Milano, Galleria Vitt. Emanuele 92.

*Nederlandanoj* bonvolu sin turni al :
S-ro J. Telling, Ĉefdelegito de UEA Bellevoijsstraat 36, Rotterdam.
Svedoj sin turnu al :
Esperanta Turista Komisiono, Heleneborgsgatan 6, Stockholm,
Francoj sin turnu al :
Globe Trotter, 75 Bd. St. Germain, Paris VI.

Internacia aerflugo al Kolonjo : Fr. Ellersiek, Wilmsstr. 5, Berlin S.W.61.

*Kotizoj :* La favorkotizo de gmk. 18. — estas plilongigita ĝis la 31.3.1933. Post tiu dato validos la normkotizo de gmk. 20.—

*Junulaj Membroj :* La ordinara kotizo por gejunuloj malpli ol 17-jaraj estas gmk. 5. — Gejunuloj ne rajtas ricevi la kongresajn dokumentojn.

*Valoran kongresmemorajon* ricevos tiuj aliĝontoj, kiuj estos pagintaj sian kotizon ĝis fino de marto 1933.

**Loka Kongresa Komitato**


Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

# Universala Esperanto-Asocio

Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile,
Genève

## Oficiala Informilo

N-ro 26

Administra jaro 1933 Marto 1933

Bankkonto:
Société de Banque Suisse
(Schweizerischer Bankverein). Genève.
*Svisa Poštĉeko* : Genève I. 2310.

*Decido de la Komitato.* — La decidon de la komitato de UEA pri la propono de reorganizo akceptis du pliaj Komitatanoj. Respondis ĝis 1.3.33, 24 komitatanoj el 24. El tiuj 21 akceptis kaj 3 faris aliajn proponojn.
(Decido aperis en n-ro de Januaro, paĝo 2.)

*Jarlibro* 1933. Ĝi estas nun korektata, kaj presota komence de Aprilo. Ni esperas ke ni povas forsendi ĝin, antaŭ fino de Aprilo.

*Statistiko* 1933. — Je la fino de Februaro la Centra Kaso registris 4086 kotizojn, nome 121 de Helpmembroj 1357 Membroj, 2198 Membro-Abonantoj kaj 410 Subtenantoj. (28.2.1932 : 5026).

*Oficiala Bulteno* 28. — Ni informas la Delegitojn ke tiu-ĉi bulteno estis forsendita la 1-an de Marto. Ĝi enhavis krom la O.B. diversajn presajojn kaj ŝildeton kun emblemo de UEA kaj surskribo « Delegito de Universala Esperanto-Asocio ».
La Delegitoj kiuj ne ricevis la sendajon bonvolu informi pri tio la C.O.

*Kunveno de la Komisiono.* — La kvara kunveno paska de la Komisiono de UEA okazos je la 14-16 de Aprilo en la Centra Oficejo en Ĝenevo.

*Laŭdinda varbado.* — La D en Leeuwarden skribis :

... Per tiu ĉi mi informas vin pri la rezultato de mia nunjara agado por nia UEA. Mi sukcesis ree kaj nove varbi en mia regiono (Leeuwarden havas 50.000 enloĝantojn) 56 M, MA, kaj MS. Krom tio mi varbis du anoncojn por la jarlibro kaj ricevis de bonvola fraŭlino kiel donacon por la Asocio dek guldenojn.
Ĉi tiu rezultato estu mia sufiĉe klara respondo al U.E.A. pereigantoj kaj al U.F.E-altrudantoj !!!

P. Hendriks, Delegito en Leeuwarden.
(Nederlando.)

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

### Belgujo

*Arendonck.* — D : Antoine De Troeyr, Gasthuisstraat 100.

### Britlando

*Coventry.* — D : S-ino W. E. Hailstone, 350 Tile Hill Lane.
*Watford* (Hertford.) — D : Herbert W. Smith, 89 Cassiobury Park Ave.

### Bulgarujo

*Loveĉ.* — D : Penĉo Deveĝiev, fervojisto, gara.
*Trakiec* (Haskovsko). — D : Koljo K. Koljazov, instruisto.

### Ĉeĥoslovakujo

*Bokwen* (Bohemio). — D : Heinrich Baumgartl, No. 31, p. Pihl.
*Ĉernovice* (Bohemio). — D : Ladislav Krajc, inĝeniero.
*Horni Herŝpice* (Moravio). — D : Emil Vagner, razisto, Mostni ul 99.
*Komt* (Bohemio). — D : F-ino Frieda Kunert, No. 54, p. Pihl.
*Kunnersdorf* b/Zwickau. — D : Josef Taubmann, redakt. de « Marto ».
*Lenesice* (Bohemio). — D : Jaroslav Stanek, drogista asistento, Krizova 18. VD : Vaclav Beranek, ladisto, No. 152.
*Litovel* (Moravio). — D : Frantisek Bores, studento, Ŝerhovni 117.
*Rajecko* (p. Rajec n-Sv.). D : Frantisek Taraba, studento, No. 93.
*Sarovcova Lhota* (Bohemio). — D : Antonin Lansky, komercisto.
*Seifersdorf* (Silezio). — D : Alois Jauernig, instruisto, p. Wiese.
*Slany* (Bohemio). — D : Milos Vittmajer, bindisto, Prazska ul 370.
*Topola* (Slovakio). — D : Jaroslav Hetfleis, ĉefserĝento de la financa gardistaro, p. Ulič u Vel. Berezné.
*Trencanské Teplice* (Slovakio). — D : S-ino Barbora Brichacova, edzino de instruisto, Villa Riviera.
*Turcansky Svaty Martin* (Slovakio). — Jan Valaŝtan, instruisto, Mudronova ulice 31. VD : Viktor Janega, oficisto ĉe Ĉsl. Ruĝa Kruco, Kuzmanyho ulica, Divizia ČK.
*Votice u Prahy* (Bohemio). — D : F-ino Amelie Krizova, oficistino.

### Danlando

*Ringsted* (Själland). — D : Olaf Skjottgaard, veterinaro, Tinggade 6.

### Finnlando

*Luopioinen* (Häme). — D : Lauri Henrik Aronen, skribisto, Kyynärö.

### Germanujo

*Altötting* (Babarujo). — D : Robert Girlich, jun., 2 Wöhrstrasse.
*Eggmühl* (Bavarujo). — D : Eugen Hofmaister, Kunstmühle.
*Neckargemünd* (Baden). — D : D-ro H. Grossmann, komercisto.
*St. Julian a. Glan* (Rheinpfalz). — D : Rudolf Gerlach, komercisto.

### Grekujo

*Kavalla.* — D : Nikolao Spagadoros, Str. P. Kountourioti No. 1. VD : Moïse Strumza, kalkulisto, Banque de Salonique.

### Hispanujo

*Cassa de la Selva* (Catalunya). — D : Josefo Garganta Puig, ŝukomercisto, N. Salmeron 7-18.
*Foyos* (Valencia). — D : S-ino Aurora Yanguas-deMilian, farmaciistino.
*Irun* (Giupuzcoa). — D : Juan Mancheno Jimenez, polica agento, Comisaria de Policia.

### Hungarujo

*Pesthidegkut* (Pest). — D : Gyula Némethy, enkasigisto, Budapest 114. Szèphalom. Széchenyi-u. 20.

### Kanarioj

*Santa Cruz de La Palma.* — D : Juan Régulo Pérez Rodriguez, studento, Peréz de Brito, 26.
*Tenerife.* — D : Miguel Lique, Apartado 228.

### Kongolando

*Costermansville* (Kivu). — D : Jean Miliaras, komercisto.

### Latvio

*Bene* (Zemgalio). — D : Indrikis Grislis, Kruŝkalnes-Jaunvagares.

### Manĉurio

*Mudken* (Fengtien). — D : A. Abe, universitata profesoro, Nutra fako de Manĉuria Medicina Fakultato.

### Nederlando

*Enkhuizen.* — D : F-ino Annie Slot, Esp-instruistino, Kuipersdijk 34.
*Giessendam* (Zuid-Holland). — A. J. Middag, lernejestro, Wijk B. 181.

### Nederlanda Hindujo

*Sambodja* (Borneo). — D : Soepardini, popollerneja instruisto. VD : A Moein, oficisto, B.P.M.

### Portugalujo

*Alhos Vedros* (Extremadura). — D : Pedro Aquino Junior, fandisto, Rua 5 de Outubro.
*Ponte da Pedra* (Douro). — D : Carlos Pereira Ramos, lantapiŝisto, Fabrica de tapetes, Correio S-ro da Hora.

### Svedujo

*Arkösund* (Ostergötland). — D : Konrad Persson, Lindö.
*Lagmansholm* (Västergötmand). — Nils D. B. Tengroth, instruisto.

### Usono

*Brooklyn* (N. Y.). — D : Max Amiel, 2084 Nostrand Ave.
*South Bend* (Indiana). — D : A. J. Rogus, instruisto, P.O. Box 129.
*Waka* (Texas). — D : Newman L. Groves, komercisto, Box 22.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

Ne plus estas D en jenaj lokoj :

*Ĉeĥoslovakujo:* Braunseifen ; Bretnov ; Chust ; Filippsdorf ; Frauenberg ; Karlova Ves ; Kralupy ; Mala Skala ; Neu-Bistritz ; Neukirchen ; Nové Hodejovice ; Ober Kreibitz ; Parkan ; Pihanken ; Prezletice ; Stonava ; Weidenau ; Zlin.

*Francujo:* Dax ; Osches. *Germanujo:* Michelstadt ; Weinheim a.d.B.

*Kongolando:* Luvungi.

*Svedujo:* Munkedal. *Usono:* Cherry Valley ; Paradise.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Januaro 1933 .................... | 2.004 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo ................ | —26 lokoj |
| | 1.978 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.1.33. ĝis 15.II.33 ............. | + 40 lokoj |
| Stato je la 15 Februaro 1933 .................... | 2.018 lokoj |

Genève, 15 Februaro 1933. *Direktoro de UEA.*

---

*Subtenantoj de UEA 1933.* — Bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj por 1933 la jenaj samideanoj : sinceran dankon al ili.

*Dua listo :*

51. S-ro Emil Lehm, Dresden.
52. S-ro W. Heinze, Oberlössnitz.
53. S-ro Curt William, Stettin.
54. S-ro W. Bartel, Duisburg.
55. S-ro Willi Zeidler, Berlin.
56. S-ro D. Uitterdijk, Hilversum.
57. S-ro G.J. Boon, Lekkerland.
58. S-ro J.B.B. Dufrenn, Amsterdam.
59. S-ro J.L. Last, Amsterdam.
60. S-ro F.J. Belinfante, Hago.
61. F-ino C. Offerhaus, Hago.
62. S-ino M. G. Kramers, Apeldoorn.
63. S-ro J. Telling, Rotterdam.
64. S-ro G. R. ten Burg, Nijmegen.
65. D-ro T. Kuiper, Amsterdam.
66. S-ro Paul Bouvier, Genève.
67. S-ro J. Font Giralt, Collell.
68. S-ro B. Blöndal, Hvammstanga.
69. S-ro Fred A. Serpa, San Miguel.
70. S-ro J. T. Holmes, Torquay.
71. S-ro James R. Miller, Stone.
72. S-ino Mary Holmes, Torquay.
73. S-ro Arthur Bowker, Sheffield.
74. S-ino L. C. Silcox, Bath.
75. S-ro H. B. Veevers, Colne.
76. S-ro R. Stevenson, Stevenston.
77. F-ino L. C. Smith, London.
78. S-ro T. Wright, Turvey.
79. F-ino D-ro Erie Evans, Bangor.
80. S-ro F. Archer, Hobart.
81. S-ro J. H. Fitton, Forest Hill.
82. S-ro F. E. Wadham, London.
83. S-ro P. J. Cameron, Letchworth.
84. S-ro A. Everest, Reading.
85. S-ro E. H. Ede, Cardiff.
86. S-ro F. H. Lockyer, Liverpool.
87. S-ro R. Scott, Letchworth.
88. S-ro C. F. Hayes, London.
89. F-ino C. M. Bartholomew, Letchworth.
90. S-ro C. A. Fairman, London.
91. S-ro E. Zuberbühler, Herisau.
92. S-ro Eduard Graf, Herisau.
93. D-ro Erik Malmkvist, Apelviken.
94. S-ro José Villabobos Franco, Aquascalientes.
95. S-ro I. Kilĉauskas, Silava.
96. S-ro H. Hattemer, Solothurn.
97. Sennomulo.
98. S-ro Otto Roesel, Borâa.
99. D-ro Ambrosio Vargas, Mexico.
100. S-ro Jesus Amaya, Mexico.
101. S-ro C. S. Davison, Winnipeg.
102. S-ro Hipolito Luengo, Orense.
103. S-ro Emilio Amor Rolán, Orense.
104. S-ro J. Course, Royston.
105. S-ro Augusto Kajoks, Riga.
106. S-ro E. P. Huber, Köln.
107. S-ro W. Duregger, Traunstein.
108. S-ro E. Müller, Teningen.
109. F-ino E. Schilasky, Ahlen.
110. F-ino Hilde Zadek, Magdeburg.
111. S-ino Marta Merkel, Aklen.
112. S-ro Ludwig Merkel, Ahlen.
113. S-ro O. Weisser, Kreuznach.
114. S-ro H. Rissom, Bergedorf.
115. S-ro Albert Läufer, Mainz.
116. S-ro Hugo Sköld, Stenstorp.
117. S-ro N. Moesgaard, Sönderborg.
118. S-ino Bolsius, Antwerpen.
119. S-ro Bolsius, Antwerpen.
120. S-ro J. de Maeyer, Nivelles.
121. F-ino Yvonne Thooris, Bruges.
122. S-ro Ant. Laurent, Bruxelles.
123. S-ro Emile Jacques, La Louvière.
124. S-ino F. Staes, Koekelberg.
125. S-ro Henri Pétiau, Gand.
126. S-ro R. Groverman, Gentbrugge.
127. S-ro C. J. Jahn, Kopenhago.
128. S-ino Lena Grütter, Samaden.
129. S-ro Erik Pedersen, Jyderup.
130. S-ro O. E. Sachse, St. Moritz.
131. S-ro G. Vermandere, Antwerpen.
132. S-ro Kuan Ĉen Sen, Medan-Deli.
133. S-ro D. M. Port, Sambodja.
134. S-ro A. C. Runkel, Milwaukee.
135. S-ro O. Münzer.
136. S-ro Rudolfo Oristo.
137. S-ro John C. Bley, Chicago.
138. S-ro A. Dennison, Johnstown.
139. S-ro W. L. Person, Stuart.
140. S-ro L. Boggs, Bingen (Wash.).
141. S-ro K. G. Fritzsching, Washington.
142. S-ro F.A. Hamann, Wauwatosa.
143. S-ino Anna Hamann, Wauwatosa.
144. D-ro Kitadi Tukimoto, Mikage.
145. Esperanto-Grupo, Morges.
146. S-ro P. J. Gjaerum, Larvik.
147. S-ro L. Braet, Nieuwport.
148. S-ro H. Moy Thomas, London.
149. S-ro C. Ashmore Baker, Welwyn Garden City.
150. S-ro W. Bailey, Penrhyn Bay.
151. S-ro J. F. Partington, Westhougton.
152. S-ro G. W. Roome, Sheffield.
153. S-ro W. H. Hirst, Huddersfield.
154. S-ro J. Chadwick, Rochdale.
155. S-ro A. E. Smith, Kettering.
156. S-ro B. O. Price-Heywood, Formby.
157. S-ro W. Douglas, Glasgow.
158. F-ino A. Nuñez Dubús, Pamplona.
159. S-ro Aksel Jensen, Holbaek.
160. S-ro E. Korsholm, Holbaek.
161. S-ro Olav Skjöttgaard, Ringsted.
162. S-ro E. Wynistorf, Zürich.
163. S-ro Arn. Schweizer, Zürich.
164. S-ro Hassan Mazhar, Istambul.
165. S-ro Albert Schüssler, Kecskemet.
166. S-ro Mehmet Necdet, Istambul.
167. Sennomulo.
168. S-ro H. E. Robert, Accrington.
169. S-ro G. L. Preedy, Reading.
170. S-ro R. J. Yarworth, Grimsby.
171. S-ro Ch. Barnes, Colchester.
172. S-ro Al. Mann, Edinburgh.
173. S-ro F. B. Elwell, Ilford.
174. S-ro F. Votrubec, Praha.
175. F-ino Marie Baroch, Sl. Ostrava.
176. S-ro O. Sklenĉka, Hradec Králové.
177. S-ino B. Slenĉková, Hradec Králové.
178. S-ro Frant. Rádek, Praha.
179. S-ro Hans Jánik, Witkowitz.
180. S-ino A. Grossmannová, Bohdaneĉ.
181. D-ro Josef Fousek, Prelouĉ.
182. S-ro A. Jandik, Užhorod.
183. S-ro K. Janoušek, Noví Hradec Králové.
184. S-ro Karlo Šmid, Nitra.
185. S-ro G. Stroele, Neuchâtel.
186. F-ino F. J. Eldering, Amsterdam.
187. S-ro C. W. Klomp, Rijsenburg.
188. S-ro C. M. Hamaker, Hilversum.
189. S-ro C. J. Baart de la Faille, Arnhem.
190. D-ro P. W. Meihuizen, Arnhem.
191. S-ro D. E. Zuidhof, Heemstede.
192. S-ro S. J. Ysselstein, Schiedam.
193. S-ino G. Nauta-Schuuring, Witmarsum.
194. S-ro Joh. Hartog, Baarn.
195. S-ro W. J. Kolkert, Baarn.
196. Frisa Esp. Rondo, Leeuwarden.
197. S-ro P. Hendriks, Leeuwarden.
198. S-ro J. D. Brakel, Rotterdam.
199. S-ro Chr. Kromziek, Rotterdam.
200. S-ro A. C. van Ingen, Rotterdam.
201. S-ro A. de Vries, Soest.
202. S-ro Tookiĉi Takeuĉi, Jamaŝiro-maĉi.
203. D-ro H. Lummerzheim, Berlin-Wilmersd.
204. S-ro Sigismund Freund, Breslau.

205. S-ro Conrad Hahmann, Wiednitz.
206. D-ro Bär, Altenstadt.
207. S-ro Martin Strümpfel, Lössnitz.
208. F-ino Elly Zollmann, Lausa-Weixd.
209. Graf Anton v. Pestalozza, München.
210. S-ro Otto Abele, Göppingen.
211. S-ro Johannes Karsch, Lausa.
212. S-ro K. Baumeister, Bad Soden.
213. S-ino Anna Tuschinsky, Danzig.
214. S-ro Thorsteinsson, Reykjavik.
215. S-ro R. Pavlovič. Bitolj.
216. S-ro F. W. Buenting, Batavia.
217. S-ro Oskar Berting, Palanga.
218. F-ino Helmi Josefson, Stockholm.
219. S-ro C. A. A. Haccon, Soerabaja.
220. D-ro Ottmar Fischer, Oslo.
221. S-ro Jos. J. Burita, Chicago.
222. S-ro E. Cheetham, Halcyon.
223. S-ro J. Dubin, Philadelphia.
224. S-ro E. L. Southwick, Braintree.
225. F-ino Mary H. Ford, New York.
226. S-ro Fritz Mitschke, New York.
227. S-ro Berthold Schmidt, New York.
228. S-ino Marie Light Plisé, San Francisco.
229. F-ino Janet Hopps, San Francisco.
230. S-ro T. Kuwahara, Osaka.
231. S-ro Uconomija-Haĝime, Osaka.
232. S-ro Niŝimura - masao, Osaka.
233. S-ro S. Pragano, Bucuresti.
234. S-ro W. D. Knox, Milwaukee.
235. S-ro Alexander E. Lee, London.
236. S-ro C. B. Morgan, Brightlingsea.
237. S-ro W.J. Pratt, Monifieth.
238. S-ro I. H. Wright, Birmingham.
239. S-ro W. C. Wilson, Birmingham.
240. S-ro Th. Pattinson, Gateshead.
241. F-ino Zoé A. Inman, Halstead.
242. S-ro Otto Apelt, Frankfurt/Oder.
243. D-ro Ing. K. Hiller, Sürth.
244. S-ro H. Rippel, Würzburg.
245. S-ro Mich. Rumpel, Würzburg.
246. S-ro Adolf Selten. Breslau.
247. S-ro Otto Pudritzki, Primkenau.
248. D-ro K. H. Friedmann, Dresden.
249. S-ro Cang Soktaj, Seoul.
250. S-ro Hakno Choi, Hamhung.
251. S-ro Sam Owen Jansen, Lidingö.
252. S-ro Ola Bannbers, Stockholm.
253. Rektoro Sam Jansen, Lidingö.
254. S-ro G. Bruno Lopez, B.-Aires.
255. S-ro E. Iglesias, B.-Aires.
256. S-ro P. Möller, Kopenhago.
257. F-ino Helmi Dresen, Tallinn.
258. S-ro L. Ritchie, Antwerpen.
259. F-ino E. de B. Daly, Bordighera.
260. S-ro E. Aprosio, Camporosso.
261. S-ino Stana Ribnikar, Beograd.
262. S-ro Ivan Stalcer, Beograd.
263. S-ino Zora Drag. Jovanovič, Beograd.
264. S-ro Djzra Borošič, Beograd.
265. S-ro Radomir Klajič, Beograd.
266. D-ro J. Stefančič, Beograd.
267. S-ro K. Th. Hansen, Nörresundby.
268. S-ro Carl Pedersen, Aalborg.
269. S-ro N. B. Scanlen, East London.
270. Episkopo Gabrielo Kipermann.
271. F-ino A. E. Frankamp, Nijmegen.
272. S-ro R. v. d. Hoef, Nunspeet.
273. F-ino H. Plemper v. Balem, Zeist.
274. Sekcio de L.E.E.N., Zeist.
275. S-ro J. Huitema, St. Anna Parochie.
276. F-ino B. M. Bresler, Werkendam.
277. E. G.: « Per Esp. Ni Unuiĝu », Werkendam.
278. S-ro P. Groenhart. Bilthoven.
279. F-ino Mies Smith, Amsterdam.
280. S-ro Ch. Engel, Dordrecht.
281. S-ro A. Haima de Vries, Hago.
282. S-ro W. Kunnen, Dordrecht.
283. Dordrecht'a Esp. Unuiĝo « Tra la Mondo », Papendrecht.
284. F-ino C. E. Teepe, Amsterdam.
285. S-ino E. Outshoorn, Amsterdam.
286. S-ino W. Emous-Habbema, Amsterdam.
287. F-ino W. S. Klein, Gorinchem.
288. F-ino N. Verlee, Gorinchem.
289. S-ro Louis Blot, Angers.
290. S-ro F. Soubranne, Tulle.
291. S-ino G. Guinaud, Ballancourt.
292. F-ino F. Mourguiart, Bordeaux.
293. S-ro M. Decultry, Clermont-Ferrand.
294. S-ro Edouard Jung, Strasbourg.
295. S-ro Jean Beau, Mâcon.
296. S-ro Pierre Beau, Mâcon.
297. S-ro Léon Truffard, Aumale.
298. S-ro Auguste Martin, Mâcon.
299. S-ro Ernest Salvage, Cahors.
300. S-ro C. Naoumoff, St.-Germain-en-Laye.

# Kroniko

## Brazilo

*Rio de Janeiro.* — Dum la jaro 1932 funkciis regule kursoj de Esperanto en la jenaj lernejoj : *Kolegio Petro II*, modela instruejo subtenata de la Federala Registaro — du kursoj ; *Instituto de Edukado*, diplomejo de la unuagradaj geinstruistoj — unu kurso ; *Lerneja Grupo « Rodrigues Alves »* — unu kurso por geknaboj. La direktorino de tiu ĉi lernejo, ĉe la fino de la lernejaj kursoj, ekspoziciis la leterojn, poŝtkartojn kaj esperantaĵojn ricevitajn de la gelernantoj.

Tiuj ĉi kantis poezion « En mia lando » kun muziko de konata brazila komponisto.

Brazila Ligo Esperantista, en ĝenerala kunveno, decidis aliĝi al la « Universala Federacio Esperantista ».

B.L.E. ricevis multajn petojn pri la ilustrita gvidlibro de Rio de Janeiro, kiu enhavas kelkajn paĝojn en Esperanto, eldonita de « Touring Club do Brasil ».

La Urba Departemento de Turismo akceptis la oferon de B.L.E. por la traduko esperanten de la tekstoj de afiŝoj kaj prospektoj pri la Internacia Foiro de Rio de Janeiro.

La revuo « Automovel Club », oficiala organo de « Automovel Club de Brasil », publikigis en sia lasta numero sciigojn pri Rio de Janeiro en portugala, franca, hispana kaj esperanta lingvoj.

*Ŝtato Rio-Niteroi.* — Dum la 5a Nacia Kongreso de Edukado, B.L.E., kun permeso de la direktoro de la Publika Instruado, organizis interesan ekspozicion de esperantaĵoj, kiu daŭris dek tagojn kaj estis multe vizitata. Al la ĉeestintoj oni disdonis propagandilojn.

# En kelkaj linioj



*** En la budapesta Fervojista Klubo Internacia, Turisma Ekspozicio estis aranĝita de Ŝtataj Fervojoj kaj Fremdultrafika Konsilantaro, kie partoprenis UEA kun Esperanto afiŝoj kaj prospektoj. Eĉ unu el la esperanto-afiŝoj ricevis distingan ateston de la aranĝantaro.

*** En la jara ĝenerala kunveno de akciuloj de la Akcia Societo « Centra Esperanto Librejo » en Hago (Nederlando), okazinta la 18 an de Februaro, la bilanco kaj la konto de perdoj kaj profitoj estis aprobataj kaj la dividendo pri 1932 fiksata je 6½ % (antaŭan jaron 7 %). Kiel komisaro estis elektita S-ro N. de Boer.

Konforme al la statuto la kunveno priparolis la dividon de la plia profito kaj decidis donaci 65,23 guldenojn al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado en Genève.

*** Kiel ĉiujare, la foiroj de Budapest, Leipzig, Lyon kaj Paris eldonis ankaŭ por 1933 tre belajn reklamilojn en Esperanto invitante al la nunjaraj foiroj.

*** Esperanto-Societoj kaj Grupoj povas ricevi senpage prunte facile sendeblan *lumbild-serion* pri Budapest kaj aliaj hungaraj urboj, eble ankaŭ pri alilandaj regionoj kaj urboj. Petu ilin de « Falu Urániája », Budapest, V., Zoltán-u.8. Entrepreno de UEA. Lumbildoj sur filmrubando, metebla en veŝtopoŝo, uzeblaj per kutimaj kino-aparatoj !/-

*** Eldonejo « Hawu » en Warszawa intencas eldoni enciklopedian vortaron Esperanto-polan, verkitan de M. Guterman. Estas malfermita antaŭmendo per subskribo. Prospektojn oni povas ricevi skribante al Hawu, Bielanska 5, Warszawa.

# Nederlanda Esperanto-Kongreso

## UTRECHT. Pasko 15-17 Aprilo 1933

*(Adreso de la sekr. : Springweg 65-bis, Utrecht.)*

La Nederlanda Esperantista Societo « La Estonto Estas Nia » arangas Nederlandan Esperanto-Kongreson je Pasko 1933 en *Utrecht* (la plej centra urbo de Nederlando). La kongresa komitato kore invitas ĉiujn eksterlandanojn, kiuj ŝatas pasigi kelkajn agrablajn tagojn inter la Nederlanda Esperantistaro, partopreni en la kongreso.

La kotizo por la tuta kongreso estas F. 2.—.

Bonvolu peti ĉiujn detalajn informojn kaj aliĝilojn de la sekretario de la L.K.K-adreso : *Springweg 65-bis, Utrecht.*

*Provizora programo.*

*Sabaton la 15-an de Aprilo* :

10-a h. Akcepto de ka kongresanoj kaj kondukado al la loĝejoj.

*Posttagmeze :*

15,30 h. Solena Malfermo de la Kongreso.
Parolado de konata oratoro.
Poste : Akcepto de la urbestro de Utrecht.
18 h. Komuna tagmanĝo en Raadskelder. Prezo F. 1.50 (inkl.tr-m.).

*Vespere :*

20 h. Mallonga soleno por rememorigi la mortotagon de D-ro Zamenhof.
20,30 h. Interkonatiĝa Vespero :
Ĥorkantado.
Deklamado.
Parolado de kompetenta eksterlandano.
Balo ĝis la 3-a.

*Dimanĉon la 16-an de Aprilo :*

10 h. Jarkunveno de L.E.E.N.
12,30 h. Komuna Fotografado.
13 h. Intima komuna lunĉo laŭ plaĉo.
14 h. Daŭrigo de la jarkunveno de L.E.E.N.
18,30 h. Solena komuna tagmanĝo en Hotelo de l'Europe. Prezo F. 2.— (inkl. tr-m.).
20,30 h. *Festvespero :*
Jonglado.
Esperanto-Teatraĵo.
Balo kun surprizoj ĝis la 3-a.

*Lundon la 17-an de Aprilo.*

9 ½ h. Fakaj kunsidoj.
10 ½ h. Ekskurso per aŭtobuso al Loosdrechtsche Plassen, poste al Hilversum, Lage Vuursche kun komuna varma lunĉo en Hotelo « de Lage Vuursche ». Prezo de la tuta ekskurso inkl. lunĉon F. 2.50.

# 10-a Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio

## Santander 20-24 Aŭgusto 1933

En Santander, la bela urbo nordhispana, fama pro ĝiaj mirindaj marbordoj, okazos proksiman someron la jarkunveno de H.E.A, promesanta grandan sukceson. Al la multenombraj allogaĵoj kiujn havas la urbo kaj regiono mem, aldoniĝas la fakto ke en ĝi estas la sidejo de la Internacia Somera Universitato, entrepreno de la hispana registaro, kiun oni inaŭguros tiun ĉi jaron, kaj kunvenigos multajn studentojn kaj profesorojn fremdajn.

La urbo estas elirpunkto por la vizito de la famega groto de Altamira, la unua je sia klaso en la mondo, kiu situas je 30 km. Ĝi enhavas la plej belajn kaj impresantajn surrokajn pentraĵojn de la prahistoria homo. La franca sciencisto Cartailhac nomis tiun ci Mekon de la arkeologoj « la Sikstina Kapelo de la prahistoria arto ». La pentraĵoj datumas je 15 aŭ 20.000 jaroj.

La loko Altamira apartenas al la arkaika urbeto Santillana del Mar, ŝajne ensorĉita en dormo de jarcentoj, vera ŝtonpoemo.

*Programo.* Solena malferma kunsido. — Malkovro de nomtabule de strato de Dro. Zamenhof. — Propaganda kaj koncerta festo en loka teatro. — Ekskurso per boato tra la granda haveno al la insulo Pedrosa. — Ekskurso al Santillana del Mar kun vizito de la grotoj de Altamira kaj ties muzeo. — Promenado tra la urbo kun vizito de vidindaĵoj. — Laborkunsidoj.

Minimuma kotizo estas 5.— pesetoj. La adreso de la Loka Kongresa Komitato estas : Ateneo Popular, Kongreso de Esperanto, Lepanto 5, Santander. La monon sendu al : S-ro A. Tomas Iglesias, Hernan Cortes 8, Santander.

La kongreskomitato kore invitas ĉiujn hispanajn kaj eksterlandajn samideanojn partopreni la kongreson. Anoncu baldaŭ vian aliĝon; vi ne bedaŭros !

# Esperantista vivo

### Edziĝo

*** F-ino Paule Samson, Delegitino de UEA en Valenciennes, kun S-ro Hague, Esperantisto el Wakefield (Anglolando).

### Honorigo

*** S-ro Beau, Vic-Delegito de UEA en Macon, profesoro pri filozofio en la liceo, estas ordenita Kavaliro de l'Honora Legio.

### Jubileo

*** S-ro Villem Vaher, prezidanto de Esperanto-Asocio de Estonio, festis 60-an datrevenon de naskiĝo kaj pasis per tio samtempe 40 jaroj post apero de lia lernolibro de Esperanto por estonoj.

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

D-ro Livingston Roseboom, DM 176 kaj D de UEA en Cherry Valley, (New York) laŭ reveno de la revuo *Esperanto.*

S-ino Else Lederer, vidvino de Prof. Lederer. Anino de UEA 25621 kaj de la germana unuiĝo Verda Stelo en Praha, 2.II.33. Prof. Lederer mortinta en 1911 estis pioniro de E inter germanoj kaj eldonis la revuojn « Ĉirkaŭ la mondo », kaj « Universo ».

F-ino C. Taylor, anino de UEA 5044 en London. (Okt. 1932).

D-ro Josef Fischer, profesoro teologia. Ano 16952 en Weidenau, Ĉeĥoslovakio (1933).

S-ro Edmund R. Blackett, Bath, 90 jara veterano de nia movado. Fariĝis esperantisto en 1905. Fidela Delegito de UEA ĝis 1932, kiam aĝo lia devigis lin fordoni la oficon al junaj fortoj. Dumviva ano de UEA, prezidinto de loka grupo, organizinto de Brita Kongreso 1915, Bath.



S-ro Rudolf Blaufeldt, Delegito de UEA en Tartu, Estonio fervora, malnova samideano (Aŭg. 1932).

S-ro Sala Cesare, grupano en Mantova Italujo 31.I.33.

S-ino Lilli Beinhauer, edzino de D-ro Beinhauer eksdelegito kaj ano de UEA en Aachen German., 26.I.33.

S-ro Paul Tamverk, fidela malnova ano de UEA. Haapsal, Estonio, Dec. 1932.

S-ro Ajmé Sandelyon, DM de UEA en Lyon, antaŭe VD, Januaro 1933.

S-ro Firminus Fidelis Severijns, eks-ano 27093 kaj eks-delegito en Cuyk, Nederl., 22.12.32.

*Sinceran kunsenton !*

# Esperanto kaj stenografio

## Intersteno

*El letero de japana studento.*

« Mi estas medicina studento kaj devas ĉiutage noti la paroladojn de profesoroj... Do mi deziris lerni stenografion. Unue mi lernis Nakane — sisteman stenografion, per kiu oni povas skribi nur la japanan lingvon. Tamen mi bezonas stenografion, per kiu oni povas skribi ankaŭ la eŭropajn lingvojn. Niaj profesoroj parolas kompreneble en la japana lingvo, sed uzas ankaŭ la latinan — nur por terminoj —, la anglan, aŭ francan kaj precipe plej ofte la germanan. Tial mi due lernis la stenografion « Stolze della Spada », per kiu mi notis la paroladojn dum ĉirkaŭ unu jaro, sed postlegi ne estis facile. Do mi estis malkontenta. Hazarde mi trovis la reklamon pri la Interstenolernolibro de sinjoro Oba (por la japana lingvo kaj Esperanto — La red.) en « Revuo Orienta ». Sensprokraste mi aĉetis ĝin. Unue al mi plaĉis, ke Intersteno plene skribas la vokalojn. Post ekzercado de ĉirkaŭ unu semajno mi komencis noti per Intersteno. Poste mi prunteprenis Intersteno-lernolibron por la germana lingvo. Post du semajnoj mi povis uzi ankaŭ la germanan stenon. Nun mi povas noti perfekte kaj agrable, eĉ kiam miaj klasanoj plendas, kiam profesoro parolas tro rapide....

Mi mem ne nur uzadas, sed ankaŭ propagandas pri la valoro kaj oportuneco de Intersteno....

Sincere via N. TOIDA ».

Kelkajn semajnojn post la alveno de ĉi tiu letero, la « Instituto de Intersteno » en Duisburg-Meiderich (Germ.) jam ricevis la unuan numeron de « Japana Intersteno, monata organo de Japana Intersteno-Asocio, redaktoro : Itaru Oba, Takawagun Akamura, Fukuokaken ». La 12 paĝa numero enhavas modele stenografitajn ekzercaĵojn kaj longskribajn tekstojn en japana lingvo kaj esperanto. Estas tre ĝojiga afero, ke niaj japanaj samideanoj tiom bone sukcesis en sia propagando de internacia stenografio kaj ke ili samtempe propagandas ankaŭ nian karan lingvon : Esperanto.

# ONI DANKAS

*** Komercista Esperanto-Unio en Dresden laŭ komisio de Dresdena firmo esprimas koran dankon al S-ro J. Alvarez Perez, D en Caracas, al S-ro Luis E. Sepulveda Cuadra, D en Santiago, Chili, pro rapide kaj bone plenumita servo, elvokinta admiron de la petinto pri la bona funkcio.

*** La ĉefdelegitino de UEA en Estonio, Helmi Dresen plej kore dankas je la nomo de Esperanta Turista Komisiono la prezidanton de UEA S-ron Ed. Stettler, la direktoron de UEA, S-ron Hans Jakob, la sekretariinon de UEA F-inon J. Damon-Pichat kaj delegitojn : J. Zmudskis en Ŝiauliai kaj A. Opulskis en Tauragé (Litovio), H. Majorkiewicz en Danzig, E. Lindemann en Berlin, M. Mittag en Aachen, F-inon E. Buchty en Aachen (Germanujo), Dr. R. Maes en Bruselo (Belgujo), S-inon M. Petit en Dijon (Francujo), K. M. Liniger en Bern, S. Moser en Zürich (Svislando), H. Koch en München, A. Starke en Nürnberg (Germanujo), kiuj per siaj klopodoj kaj gvidado ebligis lastsomere la 37-persona aŭtobusa karavano tre agrablan kaj malmultekostan vojaĝon de Estonio al Parizo kaj Svislando kaj reen. Modelan servon faris al ni la bonorganizita reto de la UEA-delegitoj.

(Supra dankesprimo devis aperi dum Septembro pasinta, sed la unue sendita teksto ne atingis la CO de UEA.)

*** S-ino Frieda Boettcher, en Habelschwerdt, Germanujo, Silezio kore dankas al Ge-sroj Ŝustr D en Praha por afabla helpo kaj gvido tra la urbo.

*** F-ino Dora Lendel, anino de UEA en Potsdam kore dankas al Ge-sroj Borel D en Lyon por bonaj konsiloj dum vojaĝo kaj akompano en Arles, al Ge-sroj Yelland en Aspremont, estroj de « Nia Civito » por bona zorgado kaj gvidado. Plie koran dankon al D-ro Meyer kaj Prof. Kricker en Saarbrücken por la neforgeseblaj aranĝoj kaj gvidado okaze de trapaso por iri Francujon.

*** F-ino Minuŝka Mantel, D de UEA en Vieno, nun en Lwow, Polujo dankas al Vienaj gesamideanoj por agrabligo de lastaj tagoj de restado, ĉefe al Inĝ. Bernfeld, ĈD de UEA, S-ro N. Hovorka, S-ro Raimund Ĉech S-ino D-ro Boskowitz.

*** S-ro Ivan Konstantinov, D de UEA en T. Pazarĝik, Bulgar., Korege dankas al S-ro Richard Levin, fakestro pri eksterlanda propagando en la foiro de Lyon por tre valora servo.

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj :* L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj ; C.r.-certe respondos.

*Amsterdam.* — F-ino L. C. v. Loen, Ruyschstraat 14, PM. k.ĉ.l., C.r.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro B. E. M. Wientjes, jr. Singel 356. Por 10 p.m. (ne el okcidenta Eŭropo !) mi sendos 2 p.k.i.

*Asch* (Ĉeĥoslovakujo). — Adolf Pfeifer, 25 jara germano, Berggasse 15 dez. rilatojn kun sam. en Kolonjo, Anglujo (prefere Londono), Afriko, Australio kaj Azio PI., L., PM. Esperante aŭ angle.

*Bahia Blanca* (Argentino). — S-ro Vicente Orlando, Str. Alsina, 257. PM. kun Ameriko kaj Britaj kolonioj.

*Bakov n. Jizerou* (Ĉeĥoslov.). — Esp. Klubo, p.A. S-ro Fr. Pytloun, aranĝas letervesperon. Skribu multope. C.r.

*Bjelovar* (Jugoslavio). — S-ro Jelimiro Rukavina, juna profesorkandidato. Rusanova str. 4, L., PK. kun F-inoj norvegaj, japanaj, turkaj.

*Cassa de la Selva* (Hispan., Katal.). — S-ro J. Garganta, str. Salmeron 7. nur PI., kun japanoj, ĉinoj, hindoj.

*Bydgoszcz* (Polujo). — Filat. Rondo S-ro W. Krzysztofowicz, Bank Zwiazku, 80-100 div. polajn PM. samkvante k.ĉ.l. krom Germanujo. Ankaŭ pli grandan kvanton aŭ laŭ katalogo Michel.

*Bzenec n. M.* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Frederiko Kuhner, Poste Restante, L., PI., PM., k.ĉ.l. C.r. Sendu rekomendite.

*Kazanj* (U.R.S.S.). — Prof. I. S. Baŝkirov, dir. de Zool. Gardeno, Spartakovskaja 11, Kazanj, Tatario U.R.S.S. Pri zoologio.

*Krouna u Skutce* (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Frantisek Ferina, instruisto PI. & infanajn gazetojn. Ĉiam respondas.

*Kukleny* (Ĉeĥoslovakujo). — F-ino Vlasta Pusova, instruistino Nádrazní 201. PI., k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Leningrad* (U.R.S.S.). — S-ro Vladimir Vladimiroviĉ Majnov, 107 Usaĉev pereulok, domo N. 11. ĉambro N. 44. Malnova esperanta kaj per-esperanta literaturisto, ĉiam respondas.

*M. Ostrava* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Alois Ruzicka, polica direckio, 27-jara detektivo deziras korespondi k.ĉ.l.

*Tokio* (Japan). — S-ro A. Wakamatsu, Kamezawa-cho I-2, Honyo-Ku, kontraŭ esp. libroj sendas ne-presitan bildon japanan kaj malnovajn jap. esp. gazetojn.

*Villanueva Minas* (Hispan.). — S-ro Juan Moros O., str. Cervantes 4, PM. hisp., portug., ekstereŭropaj kontraŭ eŭropaj. C.r.

# Petoj kaj Proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Adresŝanĝo.* — F-ino Minuŝka Mantel, el Vieno nun loĝas : Janowska ulica 19, Lwow, Polujo.

*Akiru* la skoltan junularon por Esperanto ! Atentigu ilin, ke diverslanda skoltaro deziras korespondi kun ili per Esperanto ! Skolta Esperanto Rondo, Budapest, V., Nagy Sandor — u. 6. —Hungarujo. Skolta Esperantista Ligo, D. H. Davis, 23. East Dulwich Grove, London SE 22, England.

*Atentu.* — « S-ro Masao Suzuki. Japanujo. Tre bedauras ke via PK. alvenas 2 horojn malfrua, je tio mi ne povis renkonti vin je nia stacidomo dum via transveturo.
R. Timmler Del. Omaha, Nebr. U.S.A. »

*Gardenistoj kaj floramikoj !* — Ni komencas organiziĝi kaj intencas eldoni fakan gazeton. Ĉiuj interesatoj sciigu siajn adresojn al Ladislav Kola ĝardenisto de ŝtata parko, Praha-Pruhonice, Ĉeĥoslovakujo.

Sinjoro ARTHUR SOHRMANN, Del. de UEA., Kronprinzenstr. 5, en *Weinböhla-Dresden*, Germanujo, intencas fari de la 1-a ĝis 18-a de Aprilo per granda aŭtomobilo rondvojaĝon tra Italujo. Li tranoktiĝos en München, Bolzano, Milano, Genova, Pise aŭ Livorno, Roma, Napoli, Firenze, Venezia, Vipiteno, Brenner. Li tre volonte helpas Esp.-movadon en la urboj travojaĝotaj kaj tre ŝatus esti dum kelke da tempo en tiuj urboj en la rondo de geesperantistoj. Italaj gesamideanoj dezirantaj tion, bonvolu skribi al li.

## Provizoraj Informoj

Jen la surprizo, kiun mi jam kelkafoje anoncis en Germana Esperantisto. Mi arangâs ĉi tiun unuan alcentran flugaron E-istan por fari reklamon por la Kongreso kaj propagandon por E entute. Nun mi povas doni jam kelkajn provizorajn informojn; la definitivajn mi povos publikigi nur en komenco de Junio.

1. *ELIRLOKOJ* por la flugaro estas ĉiuj flug-havenoj en Eŭropo, de kiuj ekzistas regula komunikado kun la kongresurbo aŭ kun Germanujo entute.

2. *PARTOPRENO* en la flugaro estas ebla por ĉiu persono, kiu pruvas al mi sian aliĝon al la 25a Universala Kongreso (indiko de la kongreskarta numero sufiĉas). Ĉar « karavanoj » ankoraŭ ne estas transporteblaj en aviadiloj, la partoprenontoj povos flugi unuope en mem elektita tago, antaŭe interkonsentita kun mi. Por la flugpasaĝeroj ekzistas speciala regularo de la aertrafik-kompanioj, kiun interesiĝantoj legu antaŭ la sinanonco por partopreno. Mi sendas la regularon (en E) afrankite kontraŭ respondkupono. — Krome bonvolu atenti, ke la *biletoj* por ĉi tiu flugaro estas haveblaj *nur ĉe mi* kaj ke mi povas akcepti nur tiajn partoprenontojn, kiuj ĉe mi mendas ankaŭ hotelan loĝejon en Köln kun duona pensiono por minimume sep tagoj (vidu sub 4).

3. La *FLUGPREZOJ* por ĉi tiu arangô ja estas malpli altaj ol la laŭtarifaj, sed la rabato laŭ procentoj ne estas tiel granda kiel por fervojaj karavanoj. Tamen oni povas ŝpari iom, antaŭmendante ankaŭ reflugon, kiu estos rabatata per 25 ĝis 30%. La reflugo povos okazi en laŭvola tago, komprenéble antaŭe fiksita. — Ĉar ne estos eble, pro manko de loko, publikigi ĉiujn flugprezojn, oni bonvolu demandi la deziratan ĉe mi per poŝtkarto kun afrankita respondkarto.

4. La *HOTELO EN KÖLN*, en kiu loĝos la partoprenintoj de la flugaro, estas tre bona kaj situas proksime de la ĉefstacidomo kaj de la granda Rejn-ponto, kiu kondukas senpere al la Kongresejo. Pli oportuna situo apenaŭ estas trovebla. La hotelkostoj estas enkalkulataj en la flugar-prezojn; ĉi tiuj ampleksos : transporton de la pasaĝero el la elirloko al ĝia flughaveno (kie tia servo laŭplane ekzistas); flugon al Köln (eventuale ankaŭ reflugon); transporton de la pasaĝero de la flughaveno al la hotelo en Köln; septagan loĝadon (29.7 ptm. — 5.8. atm.) kun duona pensiono (matenmanĝo kaj granda vespermanĝo); trinkmonojn kaj lokajn impostojn; asekuriĝon de la pasaĝero por la flugo (maksimuma asekur-sumo : 25 000 RM). — Pli longa restado en la hotelo (antaŭe aŭ poste) komprenéble estos ebla kontraŭ plipago.

F. Ellersiek.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 156-3-33.